8-a jaro. — N-ro 8-9 (90-91) Aûg.-Sept. 1922.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1922

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo

(Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle):

| | | |
|---|---|---|
| Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) | fr. | 5.— |
| Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» | fr. | 10.— |
| Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) | fr. | 25.— |
| Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) | fr. | 50.— |

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidanto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH. DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
O. ORBAN, Profesoro de la Universitato, Liége.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

## Oficiala Organo de la Ligo

## "BELGA ESPERANTISTO"

Redakta Komitato:

S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Internaj kovrilpaĝoj: samaj prezoj + 50 %.
Dorsa kovrilpaĝo : samaj prezoj + 150 %.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.

Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.

Generala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.

Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.

Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

### MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA GENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

### DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpeno Grupo Esperantista: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstraat.

» La Verda Stelo, S-roj G. Vermandere, M. Jaumotte.

» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.

» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.

Boom : Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..

Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge. F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.

Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.

Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent. C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —

» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.

Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.

Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.

Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.

Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.

Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.

St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.

St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.

Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.

Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.

Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy. J. Herion, rue des Raines, 8.

8a Jaro Aug.-Sept. 1922 N° 8-9

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laûbezone la manuskriptojn.*

# XIVa Universala Kongreso de Esperanto

Helsinki (Finnlando), 8-16 aŭg. 1922.

La kongreso organizita de niaj finnaj samideanoj brile sukcesis. Ĝi estis plene inda je la 13 antaŭaj ĝeneralaj festoj de la Esperantistaro.

La nombro de partoprenintoj, ĉ. 1200, superis ĉies atendon, konsiderante la elcentran geografian situacion de la kongresurbo.

Se la programo alportis ĉiujn aranĝojn laborajn kaj plezurajn, la jam liveritaj raportoj elspiras unuaniman laŭdon pri la zorgoplena kaj praktika kunmetado teknika de la tuta, komplikita organizado de Universala Esperanto-Kongreso; kaj tiurilate ni povas nomi la dekkvaran modela.

Ni ne priskribos detale ĉiujn okazintaĵojn de la kongreso, kaj limigos nian kronikon je la notado de la plej gravaj faktoj, laŭ organiza kaj propaganda vidpunktoj.

Dum la solena malferma kunsido de la 9a aŭg. (en Nacia Teatro), prezidita de S-ro V. Loimaranta, Ministro de instruado de Finnlando, S-ro Prof. E. N. Setälä, fama finna sciencisto kaj filologo, eldiris belegan festan paroladon, kiu havigas al la tutmonda Esperantistaro, ne nur valorplenan kuraĝigon sed aron da trafaj argumentoj por la t. n. artefarita lingvo internacia. Ni presigos tiun dokumenton en unu el la proksimaj numeroj de B. E.

Nia eminenta Esperantista oratoro Privat rememoris, ke Finnlando estas la unua regno, kie nia movado renkontis oficialan atenton de la parlamento.

La oficialaj delegitoj, kies listo sekvas, alparolis la kongreson:

Por: Internacia Labora Oficejo (Genève): s-o Tarelli. Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco (Genève): s-o Rodolfo Horner, Unuiĝo de Internaciaj Asocioj (Bruxelles): s-o Hendrickx. Ministro de Publika Instruado de Bulgarujo: s-o Krum Mladjov. Ministro de Publika Instruado de Ĉeĥoslovakio: s-o Profesoro Stejskal. Ministro de

Klerigado de Estonio: s-o V. Vaher. Ministro de Internaj Afer.j de Germanujo: s-o Prof. D-ro Dietterle. Ministro de Publika Instruado de Litovio: s-o L. Alseika. Ministro de Publika Instruado de Hispanujo: s-o Felix Diez. Ministro de Publika Instruado de Nederlando: s-o Isbrücker, Ĉefa Inspekcio Fervoja de Ruslando: s-o Valentinov. Registaro de Urugvajo: s-o Enrique Legrand. Urbo Milano (Urbestro D-ro Filipetti): s-o I. Piatti.

Por la foiroj: s-o K. Ojala, (Finnlando): s-o R. Kreuz. (Frankfurt): s-o Dietterle. (Leipzig) s-o Pitlik (Praha). Bedaŭrinde F-ino Jennen, oficiala delegitino de la belga ministro de Sciencoj kaj Artoj, lasthore malhelpita, ne ĉeestis la kongreson. Ĉi tiu ankoraŭ aŭdis salutparolojn de 37 naciaj kaj lingvaj delegitoj. S-ro Jan Jacobs, el Antverpeno, parolis por la belgaj samideanoj.

La tri laboraj kunsidoj okazis en la Nobelara Domo, historia loko, kie troviĝas la blazonoj de la nobelaj familioj de Finnlando.

Speciale salutis la kongreson blinda samideano S-ro Berg, kaj blinda esperantistino, F-ino Varma Jarvenpää, deklamis kortuŝan poezion, kiun ŝi verkis je la honoro de la kongreso.

S-ro Hendricx insiste petis la samideanojn daŭrigi sian subtenon al « Esperanta Ligilo », la gazeto de niaj blindaj geamikoj.

La raportoj de la Lingva Komitato, Akademia kaj Konstanta Kom. de Kongresoj estas aprobitaj sen diskuto.

La Komisiono pri ĝenerala organizo, kiu sukcesis dum sia laborado, realigi interkonsenton inter la du flankoj de nia movado, t. e. Centra Oficejo Esperantista kaj Universala Esperanto-Asocio, prezentis en sia nomo tiun interkonsenton al la kongreso en formo de konkreta propono pri ĝenerala organizo de nia movado.

Laŭ klarigoj pri tiu interkonsento donitaj de S-ro Privat, la Esperantistoj estas konsiderataj laŭ du manieroj: kiel anoj de naciaj, regionaj kaj lokaj societoj kaj grupoj, kiuj zorgas pri propagando en siaj landoj, kaj laŭ individuoj, kiuj grupiĝas internacie por la ĝenerala uzado de la lingvo. Laŭ la unua maniero, ili grupiĝos en **Konstanta Reprezentantaro** de la Naciaj Societoj, kun sidejo en Paris, kaj laŭ la dua maniero, ili grupiĝos en UEA. Tiuj du organismoj interkonsentos por elekti **Centran Esperanto-Komitaton**, kiu zorgos pri la ĝeneralaj interesoj de la tuta movado. Tiu Komitato ne konsistos el tri anoj de la Reprezentantaro kaj el tri anoj de UEA, sed el ses anoj, kiuj reprezentos ĉiujn ambaŭ organizaĵojn. Tiu Centra Komitato delegos Komisionon por organizi la Kongresojn, kaj ĝi povos organizigi ankaŭ teknikajn internaciajn konferencojn. La **Lingva Komitato** restas sendependa. La Esperantistoj grupiĝas ankaŭ en **Fakaj societoj**, kiuj havas kunsidojn dum la Kongresoj, prezentas kandidatojn al la Lingva Komitato kaj povas kunlabori pri la organizo de la teknikaj konferencoj.

Post longa diskutado, la kongreso akceptis la proponitan tekston (Vidu p.133.), kaj voĉdonis ankaŭ jenajn 3 rezoluciojn pri praktikaj rimedoj por funkciigi la akceptitan proponon:

1. — La Kongreso, por faciligi la tujan formadon de la Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj petas s-on Generalon Sebert kaj s-on Chavet, ke ili bonvolu tuj funkcii kiel provizoraj Prezidanto kaj Ĝenerala Sekretario de la Reprezentantaro, ĝis la momento, kiam ĝi mem estos fiksinta sian estraron.

2. — La nuna Komisiono pri Ĝenerala Organizo bonvolu plenumi la oficon de la Centra Esperanto-Komitato ĝis la momento, kiam tiu Komitato estos elektita.

La anoj de tiu Komisiono estas s-oj Warden, Chavet, Stettler, Privat, Arnold, Page, Poncet kaj s-o Isbrücker, kiu anstataŭis s-on Page en tiu ĉi Kongreso. S o Page estos Prezidanto de la Komisiono.

3. — La Kongreso petas la Centran Komitaton, ke ĝi zorge revizu kiel eble plej baldaŭ la antaŭajn regularojn pri organizaj aferoj, por ke ili akordiĝu kun la akceptita interkonsento.

S-ro Privat, prezidante la 2an kunsidon, sciigas, ke li jam ricevis interesajn raportojn pri okazintaj fakaj kunsidoj, kaj li memorigas, ke la sekretarioj de la Fakaj Kunsidoj devas ĉiuj sendi siajn raportojn al la Kongreso, kaj prezenti al la Kongreso, por ke ili fariĝu deziresprimoj de la tuta Kongreso, la plej gravajn el iliaj rezolucioj, inter tiuj kiuj havas ĝeneralan intereson.

La Prezidanto komunikas al la Kongreso la decidojn de la Faka Kunsido de la Ruĝa Kruco kaj atentigas pri la graveco de tiu rezolucio. Li aldonas, ke la Esperantistoj havas la devon interrilati kun la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco kaj proponi siajn kunlaborojn. Li promesas publikigi trifoje ĉiujare en « Esperanto » adresaron de junuloj, anoj de la Ruĝa Kruco, kiuj deziros korespondadi.

S o Horner, oficiala reprezentanto de la Ruĝa Kruco, petas la Kongreson aprobi rezolucion, ĉar tiu aprobo alportos grandan helpon por la propagando de Esperanto en tiu rondo.

S o Warden ankaŭ proponas, ke la Kongreso konfirmu tiun rezolucion, kaj li memorigas, ke Esperanto estis jam uzita de la Ruĝa Kruco dum la milito pere de la franca registaro, kaj tiu uzado estis tre fruktodona.

La rezolucio de la Faka Kunsido de la Ruĝa Kruco estas unuanime akceptata.

La Prezidanto komunikas leteron de la Komitato de la Y. M. C. A. kiu akreditas s-on Horner por ĝin reprezenti en la Kongreso, kaj li petas s-on Horner danki tiun gravan kaj potencan asocion por la signo de itereso, kiun ĝi donis al nia movado.

**Zamenhofa Monumento.**

La kongresanoj havas sub la mano la raporton de s-o Applebaum, honora sekretario de la komitato. Kiel ĉefan citindaĵon ni notas, ke la kolekto donis ĝis nun la jenan rezultaton: en brita mono p. s. 72.7.3, en ĉehoslovaka 4543,65 kr., en pola 95314 mk., 500 belgaj frankoj, 60 finnlandaj markoj, 80 liroj, 5 sv. kronoj, 1 holanda guldeno. (Tio estus en svisa mono proksimume 2600 frankoj).

La kunveno aplaŭde akceptas jenan deziresprimon:

La Kongreso esprimas la deziron, ke ĉiuj Esperantistaj societoj instigu la ĝeneralan daŭrigon de la donacado por la monumento de D-ro Zamenhof.

S-o Stan. Essigman (Warszawa) nome de la Loka Komitato por la Starigo de l'Monumento informas, ke ĝi estos preta post du jaroj kaj espereble inaŭgurota okaze de la 16-a Kongreso okazonta en Warszawa. Li plie petas la akcepton de jena rezolucio:

Ĉar montriĝis ĉe la Kongreso profunda deziro je baldaŭa starigo de monumento sur la tombo de nia Majstro, kaj konsiderante la troŝarĝon de la ĝisnuna komitato, meritante koran dankon, la Kongreso trovas necese kaj utile esprimi jenan deziron:

a) La Loka Komitato en Warszawa konsistu el ses anoj, po du el la 3 societoj garantiantaj plenan interkonsenton kaj pretigon de la monumento ĝis la difinita tempo.

b) La Loka Komitato kunvenu almenaŭ dufoje dum monato: protokoloj estu sendataj al la Esperanta gazetaro.

c) La komitato rajtas akcepti aliajn personojn, kiuj per faka aŭ morala helpo povas utili al ĝi.

La kunveno akceptas unuanime.

S-o Setälä anoncas la alvenon de la kuponkartoj,konigas la prezon kaj metodon de vendado. Pri tiu detale raportas s-o Kötz, menciante la malfacilaĵojn ĉe la presigo.

S-o Essigman informas, ke monumento ne povas esti starigata sur publika placo pro lokaj cirkonstancoj; ĝi estos tombo-monumento respondanta al la modesta vivo de nia Majstro.

D-ro Privat alproksimiĝante al s-ino Zamenhof resumis la penson, kiu gvidis la iniciatintojn, skizas la penigan vojon, kiun trairis nia Majstro. Li dankas al la vidvino por la heroa persisteco kaj kuraĝo, eblegintaj starigon de nia movado. Dum plej malhelaj tagoj la konscio agi por la bono de venonta generacio ne forlasis ŝin, kaj se la Esperantistaro rememoras la kreinton de la lingvo, ĝi neniam forgesas la helpon, kiun alportis al li lia edzino.

Varma aplaŭdata de la kunveno D-ro Privat premas la manon de S-ino Zamenhof, kiu kortuŝe respondas, dankante.

La Ĝenerala Sekretario de UEA legas leteron de s-o Sklenčka, del. en Hradec-Králové (Ĉeĥoslovakujo), kiu insistas je pli da iniciatemo ĉe la delegitoj. Li montras kiamaniere UEA kaj nia movado povas alporti utilon per laŭcela uzado de informoj, anoncoj kaj presaĵoj.

S-o Jakob klarigas manieron de efika propagando, aranĝita de s-o Istel, del. en Wiesbaden, per elmontro de leterkovertoj, kiujn la C. O. ricevis el aro da landoj. Rondirigo de fotografaĵo komprenigu la aranĝon.

**Komisiono pri Instruado.**

Raportas D-ro Privat skizante la kreon de tiu ĉi Komisiono, sekve de instigo de la Pola Societo. Rezultiĝis el tio la Konferenco pri Instruado de Esperanto en Lernejoj, okanzinta en Genève, kiu donis

la eblecon al reprezentitaj registaroj, senpartie juĝi laŭ la metoda laborplano la akiritajn spertojn. Li informas pri sendo de raporto al la ministroj de instruado ĉiulandaj, citas la efikon ĉe pluraj el ili, mencias favoran decidon de la albana registaro, promesanta enkondukon de nia lingvo kiel devigan instrufakon post organizo de la lernejoj. Aludas, ke en 151 germanaj lokoj okazas nun oficiala instruado de Esperanto al infanoj, kritikas la indiferentecon de multaj propagandistoj, alvokas je kunhelpo, disciplino, sistema laboro.

Priskribante la Konferencon en Genève, D-ro Privat atentigas pri la valoro de tiaj pure teknikaj kunvenoj, kiuj per relative malmulte da mono kaj klopodo havas sukceson tute apartan kaj bonan. Estas intencate daŭrigi tiajn fakajn kunvenojn.

S-o Arnhold leviĝas, esprimante la dankon pro la bonega aranĝo de la Konference de Genève. Li proponas sendon de telegramoj al Poŝtista Konferenco nun okazanta en Berlin, proponanta alprenon Esperanto.

La Kongreso poste akceptis la inviton, okazigi la XVan kongreson universalan en Nürnberg (Germanujo). (1).

---

(1) Al la legantoj, kiuj deziras havi pli detalan priskribon pri ĉiuj okazintaĵoj (ankaŭ pri la plezuraj aranĝoj) de la kongreso en Helsinki, ni tre konsilas havigi al si la gazeton « Esperanto Triumfonta» N-ojn 98-99-100-101-102, kaj «Esperanto» N° de septembro 1922

# Oficiala Esperantista Organizo

Rezolucio prezentita de la Komisiono por Generala Organizo kaj akceptita de la XIVa Kongreso.

La Kongreso rekomendas ke, por koncentrigi la fortojn de la Esperantistaro kaj trovi monrimedojn por subteni la ĝeneralan movadon, la Oficiala Esperantista Organizo estu jena:

I.

1. La naciaj societoj elektu Konstantan Reprezentantaron de la Naciaj Societoj (K. R.), konsistantan el unu reprezentanto de ĉiu nacia societo, kun nombro da voĉoj proporcia je la nombro de anoj, por kiu ĝi pagis kotizon al la kaso de la K. R. Tiu reprezentantaro starigos sian internan regularon. Ĝi povos havi Prezidanton kaj Ĝeneralan Sekretarion elektitajn ekstere de la Reprezentantaro. Ĝi zorgos pri la reciprokaj informado kaj kunlaborado de la naciaj societoj por komunaj celoj kaj pri ilia monsubteno al la komunaj Institucioj de la Esperantistaro.

2. La individuaj Esperantistoj grupiĝu internacie per aliĝo al Universala Esperanto Asocio, kiu disvastigas la ĝeneralan uzadon de la lingvo.

3. La Fakaj (teknikaj kaj profesiaj) Societoj grupigu la Esperantistojn por propagando kaj uzado en specialaj rondoj.

II.

La Konstanta Reprezentantaro (K. R.) kaj Universala Esperanto Asocio (UEA) interkonsentos pri la elekto de

CENTRA ESPERANTO-KOMITATO

kiu konsistos el ses anoj, oficantaj dum tri jaroj kaj reelektotaj po du ĉiujare.

Tiu Centra Esperanto-Komitato zorgos pri la ĝeneralaj interesoj de la movado. Ĝi stariĝas centran kason kaj por tio enspezas donacojn, kotizojn de kongresoj, kotizojn de Naciaj Societoj pere de la Reprezentantaro, kaj subvencion de UEA.

III.

La Lingva Komitato estas sendependa, sed la Naciaj Societoj povas prezenti kandidatojn al ĝi.

IV.

La Centra Esperanto-Komitato decidas pri la okaziĝo de la Universalaj Kongresoj kaj komisias ilian organizon al

KONSTANTA KONGRESA KOMISIONO,

kiu enhavos 2 reprezentantojn de la Centra Komitato, du anojn de la Loka Komitato de la estinta kongreso, du anojn de la Loka Komitato de la estonta kongreso, kaj du Kuratorojn de la Kongresa kaso.

La Universalaj Kongresoj konsistas el:

solena malferma kunsido;

laboraj kunsidoj, en kiuj la oficialaj institucioj prezentas raportojn kaj aŭdas la rimarkojn kaj deziresprimojn de la kongresanoj;

fakaj kunsidoj;

kunsidoj de la diversaj oficialaj komitataj aparte aŭ kune.

La Institucioj nomataj «oficialaj) estas:

la Lingva Komitato (L. K.) kaj ĝia Akademio,

la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K. R),

la Universala Esperanto Asocio kun sia Komitato (UEA),

la Centra Esperanto-Komitato (C. K.) kun sia Konstanta Kongresa Komisiono (K. K. K.).

V.

Krom la Universalaj Kongresoj povos okazi periode oficialaj teknikaj konferencoj, laŭ decido de la Centra Komitato, kiu tamen ne zorgos pri konferencoj politikaj aŭ religiaj.

VI.

La oficialaj komunikoj de la oficialaj institucioj estas publikigotaj pere de Esperantistaj gazetoj.

La oficialaj dokumentoj kaj raportoj estas publikigotaj per zorgo de la Centra Komitato en

OFICIALA DOKUMENTARO

laŭ siaj nunaj formatoj.

VII.

La nuna Komisiono pri Ĝenerala Organizo plenumos la oficon de la Centra Esperanto-Komitato ĝis la momento, kiam tiu Komitato estos elektita.

# Bonvenon, Gefratoj!

(Saluto al la Kongreso en Helsinki)

---

Bonvenon, gastoj, ho ĉiuj ĉi,
Vi atenditaj gefratoj!
Salutas kore, varmege mi.
Bonvenon, ho geamatoj!
Kaj jena mia deziro estu:
ke plej korege Vi ĝuu, festu
kaj postmemoro ĝi dolĉa restu.

Kongresan tempon ni uzu ĝin,
por diligenta laboro,
en ĝi sukceso nur helpos nin,
nelacigebla fervoro.
Ho, sankta estas ja nia celo.
Leviĝu preĝo do al cielo,
nin benu Dio sub verda stelo.

Sonoras kanto en mia kor'
por ĝojo granda, feliĉa,
funebronuboj peliĝis for,
somero faris min riĉa.
Ho gekaruloj, vi povis veni.
Vin dolĉe volis mi ĉirkaŭpreni
kaj kore ĉiujn Vin danki, beni.

Ke Vi, gefratoj, ĉirkaŭas min
apenaŭ kredi mi povas;
sed la feliĉo, ho tamen ĝin
en efektivo mi trovas.
Dum lasta vintro kaj en sufero
mi revis en la kongresespero
kaj atendadis je la somero.

Kaj la someron mi havas nun
en koro, en la naturo,
pri ĝi rakontas brilanta sun'
kaj gaja ventomurmuro.
La korp estas en harmonio,
ĝi ĝojon sentas pro ĉio, ĉio,
kaj kantas laŭdon al sia Dio.

Mi sentas kiel la pacanĝel'
la rondon nian benanta
migradas milde sub verda stel'
kaj sub standardo flagranta.
Je lia veno foriĝis timo
el brusto mia, el la animo.
Kuraĝon sentas la kor' sen limo.

Sub verda stelo ja ĉiuj ni
pli bone venkos la sorton.
Ni vidas lumon kaj tiu-ĉi
por viv' kreskigas la forton;
en ve da brilo ni noktinfanoj
batalas kune la man' en manoj
kaj nin ne venkos la uraganoj.

Akceptu mian saluton Vi,
ho, sopiritaj gefratoj!
Feliĉe, ĝoje ekkrias mi
bonvenon, ho geamatoj!
Ne Finnoj havas juvelojn, orojn,
al Vi ne donos ni ortrezorojn,
sed simplajn, varmajn koramoflorojn.

Varma Järvenpää,
(blinda esperantistino).

# Bonveno de la Prezidanto de Finnlando

La Finnlando Respubliko diversfoje montris sian favoron al Esperanto per oficiala helpo. Dufoje ĝia Parlamento decidis finance subteni la laboron de la nacia societo. Ĝiaj delegitoj en Ĝenevo ricevis instrukcion subteni Esperanton ĉe la Ligo de Nacioj. La XIVa kongreso estis nova okazo por oficiala helpo. La registaro de Finnlando subvenciis ĝian organizon. Diplomata konsilisto el la Ministrejo por eksterlandaj aferoj lernis Esperanton kaj faris paroladon pri nacia kulturo. Kelkaj ministroj de la registaro partoprenis en la honora komitato de l'kongreso flanke de la diplomataj reprezentantoj de la ĉefaj landoj en Helsinki (internalie la franca sendito, S-ro ministro Ribot). La ministro por Publika Instruado malfermis mem la kongreson.

La alta protektanto de la kongreso estis la Prezidanto de la Respubliko, kiu sendis al laborkunsido sian ĉefadjudanton, perfekte lernintan Esperanton. Vendredon 11an de Aŭgusto la Prezidanto invitis en sian palacon la estraron de l'kongreso kaj ĉiujn reprezentantojn, parolintajn dum la malferma kunsido. La akcepto estis komence tre solena kaj fine tre intima. Gvardia orkestro ludis la «Esperon» kaj la Himnon de Finnlando dum la Prezidanto manpremis la gastojn post individua prezentado al li kaj al lia ĉarma edzino.

Poste teo estis servita en alia salono de l'palaco. Dum tuta horo la Prezidanto kaj liaj Ministroj interparolis kun la kongresanoj interese demandante pri la progresoj de Esperanto. Afabla kaj modesta, la edzino de l'Prezidanto simpatie bonvenigis ĉiujn eĉ per kelkaj frazoj en Esperanto, tre korekte parolitaj. Ŝi petis nian poeton Kalocsay deklami la belan festpoemon de li verkitan.

Ĉiuj partoprenintoj ricevis tre agrablan impreson de tiu plej afabla gastigo kaj danke konstatis, ke la regnestro de Finnlando vere faris ĉion eblan por montri al la kongresanoj, ne nur ĝentilan bonvenon sed ankaŭ delikatajn amikaĵojn kaj publikan aprobon de nia afero. La esperantistaro ne forgesos tion.

(El « Esperanto »).

---

## LA MALGRANDA INFANO KAJ LA EĤO

Bela malgranda knabo ludis en la herbejo. Li kriegis: «ho, ho!» kaj li aŭdis la samajn vortojn reiri de najbara arbaro.

Surprizita la infano ekkriis: «Kiu vi estas?» al kio la voĉo respondis:» Kiu vi estas?». Furioze la juna homo rediris:» Vi estas freneza» kaj la voĉo respondis: «Vi estas freneza!»

Plena de kolero, la knabo, kiu estis mensogulo, kuris plendi al la patro. «Mia filo, diras tiu ĉi, anstataŭ esti disputemulo, vi estu kvieta, afabla kaj ĝentila, la arbaro estos sama kontraŭ vi: memoru ke la konduto de la aliaj estas la eĥo de la via...

(tradukis C. Robson.)

# Bruselaj Legendoj

de V. Devogel

(Tradukita (*) el franca lingvo de la Grupo «Antaŭen», Bruselo)

Antaŭparolo.

La fremdulo aŭ la bruselano, ne bone konante niajn malnovajn kutimojn, kaj kiu trapasus, promenante, je l'fino de somertago, unu el la popolplenaj kvartaloj de nia antikva urbo, vidus interesegan scenon, kiu bedaŭrinde malofte allogis pentristan penikon.

Vesperiĝas. La tago estinte tre varma, la loĝantoj venas enspiri freŝan aeron sur la sojlo de siaj domoj, sidantaj sur malnovaj, nefirmaj seĝoj aŭ sur benkoj, kaj plejofte, sur la trotuarrando aŭ sur la antaŭdomaj ŝtuparoj. Viroj kaj virinoj, tiuj lastaj preskaŭ ĉiuj brakportantaj infanon, ridas, babiladas, alvokas unu la alian, de la komenco ĝis la fino de l' strato: voĉeksplodoj; bruaj ekkrioj aŭdiĝas, interrompataj de la knaboj, kiuj krias, kuras, puŝas unu la alian aŭ ludas, kaj kies nudaj piedoj klaketas kontraŭ la pavimojn.

La viroj fumas sian pipon, la junulinoj trikas, kutima okupado de la virinoj el tiuj kvartaloj. Ĉiuj parolas semtempe: la vortoj sin renkontas, la mokaĵoj interplektiĝas, la ridoj eksonas! Ĉio tio formas konfuzan tuton superfluganta al la ĉielo, kiu mallumiĝas, kaj kiun oni ekvidas supre, inter du vicoj da tegmentoj, kiuj ŝajne intencas atingi unu la alian, tiom mallarĝaj estas la stratoj.

Tamen, iom post iom, eknoktiĝas. La bruoj formortas unu post alia, la patrinoj reeniras hejmen kun la bubetoj, kaj la viroj sin direktas al la plej proksimaj trinkejoj ; nur restas kelkaj grupoj da gejunuloj, kiuj babiladas.

* * *

# Manneken-Pis

Kie la leganto ekkonas la plej malmolan bruselanon

I.

Statueto, mi benas Vin.

Mi benas vin, tial ke Vi estas la plej gaja memoraĵo de nia antikva urbo; tial ke oni amas Vin, ĉu ne; tial ke Vi estas la ĝojo de la malgranduloj, kiuj iras, akvumante, tra la vojkruciĝoj, ĉe la anguloj de la stratoj, kontraŭ la ŝtonojn, neatente pri la pasantoj, kaj tial ke eĉ la ĉagrenmienaj plenkreskuloj ne povas vidi Vin neridante .

---

(*) Tradukita kun la permeso de la aŭtoro, S-ro Devogel, kaj de la eldonistoj de la originala franca verko «Les Légendes Bruxelloises», Lebègue & C°, Office de Publicité, rue Neuve, Bruxelles. Je la nomo de F-ino Jennen, kiu gvidis la tradukan laboron, kaj je la nomo de nia revuo, ni tutkore dankas aŭtoron kaj eldonistojn pro ilia afableco.

Ho! Kiu scios iam vian devenon? Via historio perdiĝas en la tempoj, kiel tiuj de multe da homoj: savintoj de la patrujo, aperintaj dum la malvenkaj tagoj malgraŭ ke oni ne sciis de kie ili venis ; genioj, artistoj, poetoj, kies infaneco estas tute ne konata.

Nenio mankas al via gloro: legendo prenis Vin, popolo respektas Vin; Vi estas honorata, nobeligita, ordenigita; la maljunaj soldatoj, tiuj kiuj vidis malfeliĉojn kaj triumfojn, salutis Vin; unue ŝtono, poste bronzo, reproduktis Viajn trajtojn.

Kaj Via nomo senfine vivos en la jarcentoj de la jarcentoj.

La maljuna ĉefanĝelo, Via najbaro, protektanto de la urbo, super kiu li regas, de sur sia dentumita turo, Sankta Mikaelo simboligas Progreson faliganta Nescion per sia minacanta glavo; Vi, «Manneken Pis" Vi estas ĉiam simbolo de la gajega flandra ĝojo, de la bona kaj larĝa fama ridemo de niaj avoj.

Statueto, mi benas Vin.

II.

Oni diras :

Iam estis malbona sorĉistino.

Tiu sorĉistino estis maljunega, kaj, de longe, ŝi loĝis en dometo sur la angulo de la «rue du Chêne» (1) kaj de la «rue de l'Etuve». Tiu malbona virino malfeliĉigis preskaŭ ĉiujn siajn najbarojn kiuj multe timis ŝin. Ŝi estis malpura kaj malbelvestita, kaj ŝi, nur vespere, eliris. Kien ŝi iris tiel tute sola? Neniu tion sciis, kaj neniu provis ekscii, ĉar, por tio, oni devus sekvi ŝin, kaj kiu tion kuraĝis?

Kiam malfruiĝinta burĝo, reirante hejmen, renkontis ŝin, li malproksimiĝis, kaj la infanetoj kaŝis sian kapon en la patrinajn jupojn kiam ŝi pasis, silenta kaj kurbita.

Estis ankaŭ bona maljunulo.

Tiu bona maljunulo estis tiom amata kiom la malbona virino estis malamata; li multan bonon faris al la malriĉuloj kaj oni estis feliĉa ekvidante lin. La infanetoj tute ne timis lin.

Iam, knabeto pasis tra la «rue de l'Etuve», (2) haltis kaj, ne rigardante kie li estis, ekkontentigis naturan bezonon kontraŭ la pordon de la sorĉistina domo.

Tion oni ĉiam vidis kaj oni ankoraŭ vidas ĉiutage.

Sed la sorĉistino, eble aŭdinte ne kutiman brueton, eliris el sia domo, kaj, ekvidinte la knabeton, kiu ĵus finis, diris al li, kolerege:

"Vi malhonoris mian domon farinte kion vi faris. Mi kondamnas do vin, daŭrigi tiel dum ĉiamaj jarcentoj.»

Poste, ŝi reeniris hejmen.

Estas malbona virino, ĉu ne? Kaj la infano ne meritis tiel severan punon. Ankaŭ, kion oni subite vidis? La bona maljunulo aperis, portante en la brakoj, ŝtonan statueton kiun li metis anstataŭ la knabeto. Li prenis tiun ĉi per la mano kaj kondukis lin ĉe liaj gepatroj.

---

(1) Kverko-strato (N. de la trad.)
(2) Fornostrato (N. de la trad.)

De tiu tempo, la statueto ĉiam anstataŭas la naivan infanon.

* * *

Oni ankaŭ diras :

Iam estis familio konsistanta el patrino, patro kaj fileto. Tiu ĉi estis tri-aŭ kvarjara kaj, ĉar li estis ilia nura infano, liaj gepatroj amis lin, dorlotis lin kiel princidon. Ian festtagon en Bruselo, ili metis siajn belajn dimanĉajn vestaĵojn, vestigis belete sian fileton, prenis lin per la mano kaj eliris.

Estis multe da personoj sur la stratoj kaj la bubo, kiu volis ĉion vidi, tiris siajn gepatrojn tien ĉi kaj tien, tiamaniere ke fine-, oni ne scias kiel-, li estis forigita de ili kaj restis sola meze de la popolamaso.

Li ne atentis pri tio; li rigardis kaj tre amuziĝis. Li opiniis, tamen, ke la plenkreskuloj lin multe puŝis. Kompreneble, ili ankaŭ, volis ĉion vidi.

Samtempe, liaj gepatroj serĉis lin ĉie. «Tiel malgranda! Ia akcidento trafos lin!» pensis la patrino.

La patro ankaŭ estis malkvieta.

Kaj ili serĉis, ili serĉadis... Sed noktiĝis kaj ili ne trovis lin. Kvar tagoj pasis kaj ilia filo ne estis jam reveninta.

Ho! Kiel malgajaj estis la gepatroj! Kiel ili ploris! Ili ne plu esperis revidi lin !

Tamen la patro de la malfeliĉuleto ankoraŭ serĉis kaj, la kvinan tagon, alveninte sur la angulon de la «rue de l'Etuve» kaj de la «rue du Chêne», li ekvidis... kiun? Sian filon en sintenado, kiu ne lasis dubon pri lia momenta okupado.

Vi certe pensas, ke tuj la patro premis la knabeton en la brakoj, kisis lin, portis lin, kurante al la patrino.

La patro, feliĉa pri la retrovo de sia infano, volis ke tiu okazintaĵo ĉiamiĝu, kaj tiacele, li starigis, ĉe la loko, kie la bubo haltis, ŝtonan statueton kiu, de tiam, fluigas klaran akvon en la basenon malsupren.

* * *

Oni ankoraŭ diras :

Dum tiu tempo, Bruselo estis ĉirkaŭita de potenca malamiko.

Scienculoj rakontos al vi glorajn agojn de la Bruselanoj kaj iliaj malamikoj; ili diros, ke la sieĝo daŭris longajn tagojn, ke la civitanoj sin kuraĝe defendis, kaj ke fine, la malamikoj devis foriri.

Sed kion ili ne diros (ĉar ili ĝin ne scias), estas ke la atakintoj estis tre inteligentaj. Vidante ke estis neeble preni nian kuraĝan urbon, ili decidis brulegigi ĝin. Estis malbone, ĉu ne? Tamen, ili ekbruligis meĉon kaj foriris.

La civitanoj, tute feliĉaj pro sia libereco, ne vidis la fajreton, kaj la urbo estus certe tute brulinta se knabeto ne estus vidanta la fajron kaj malgraŭ sia junegeco, estus komprenanta la danĝeron.Kion fari? Li havis nenion. Li ne hezitis kaj ekakvumis la meĉon, kiu estingiĝis.

Tiamaniere, knabeto savis Bruselon.

La fakto estis rapide konata kaj, je l'honoro de la ago de la juna bravulo, la Bruselanoj starigis statuon, kiu eternigas la heroaĵon.

* * *

Oni fine diras :

«Manneken-Pis» estas infaneto, kiun Judo ŝtelis iam kaj forportis en sian loĝejon.

En tiu tempo, la Judoj estis konsiderataj kiel malbenitaj; oni forpelis ilin el la urboj, aŭ, kiam oni permesis ilin tie resti, ili devis loĝi en speciala kvartalo; oni riproĉis ilin ĉiajn religiajn kutimojn; oni facile kulpigis ilin pro multaj krimoj; ili estis timataj kaj malestimataj de ĉiuj.

La priparolita Judo volis, oni diris, mortigi la knabeton. Samtempe, la patro de la infano ageme esploradis la urbon; ĉar li estis granda sinjoro, la Judo timis; ian vesperon, li kondukis la infanon al la angulo de la strato, kie li estis forpreninta lin. Tie la gepatroj retrovis sian fileton kaj ili konstruigis fontanon memoranta la ĝojon, kiun ili eksentis retrovante lin.

III.

**Historio de la plej malgranda burĝo de Bruselo.**

Nia statueto jam ekzistis en 1452a. Tiam, oni nomis ĝin «Manneken-Pis» aŭ «Juliaenske Borre» (fontano de Juliĉjo). Oni ankoraŭ citis ĝin sub tiu nomo en 1498a. En 1668a, eble pli frue eĉ, ĝi definitive estas «Manneken-Pis».

Unue, ĝi estis el ŝtono. Sed, la 13an de Aŭgusto 1619a, fama brusela skulptisto, Jérôme Duquesnoy, estis petata fandmodeli ĝin al bronzo. Li ricevis por sia verko, sumon da kvindek florenoj. La 16an de Decembro, la ŝtonskulptisto Daniel Raessens, entreprenis liveri akvujon por tiu fontano. En 1770a, oni anstataŭis la piedestalon, kiu portis Manneken-Pis per niĉo el blua ŝtono.

De tiam, Manneken Pis konis multajn aventurojn; li havis feliĉajn sed ankaŭ malfeliĉajn tagojn.

En 1695a, la soldatoj de Ludoviko la XIVa bombardadis Bruselon kaj okazigis multege da domaĝoj en nia urbo; la ruzaj Bruselanoj forprenis sian protektaton de lia piedestalo, por ke li ne estu atingita per la francaj kuglegoj.

Oni lin remetis la 19an de Aŭgusto 1695a, je l'granda ĝojo de la popolo, kiu triumfe portis lin, kaj oni skribis, super li, latinajn versojn kies traduko estas: «Oni metis min sur ŝtonon, kaj nun, mi altigas mian kapon super miaj malamikoj: »

La 1an de Majo 1698a, la elektanto de Bavarujo, Maximilien Emmanuel, ĝenerala estro de Nederlando, donis feston al la arkpafistoj. Je la sesa frapo, li faligis la birdon, lokitan sur la «grosse Tour» (turego) kaj estis, laŭ kutimo, proklamita reĝon de la korporacio. En tiu okazo, Maximilien donacis al ĉiuj kunfratoj kostumon el drapo blua de Bavarujo. Li ankaŭ donis unu al Manneken-Pis. Ne miru pri tiu malavaremo; la elektanto povis esti donema, ĉar la urbo, por festi lian reĝecon, donis al li dudekkvin mil florenojn. Krom tio, antaŭ

kelkaj monatoj, ĝi estis donacinta al lia naskiĝinta filo, belegan lulilon, kaj tio, malgraŭ grandegaj perdoj kiujn la urbo suferis pro la bombardado en 1695a.

Poste, ĉirkaŭ 1745a, Angloj elprenis Manneken-Pis kaj portis lin ĝis la belga urbeto Grammont. Loĝantoj de tiu urbo sukcesis ŝteli ĝin kaj, kiam la malamikoj estis forlasintaj la landon, ili redonis ĝin al la Bruselanoj; sed antaŭe, ili vidigis ĝin sur la granda placo de sia urbo kie, longatempe, oni povis admiri kopion, nun detruitan. Fatalo ne volis, ke du Manneken-Pis ekzistu. Ne estas du Aleksandroj !

En 1747a, dum regado de Ludoviko la XVa, la Bruselanoj suferis malfacile la francan superregadon kaj la nerespektadon de siaj kutimoj kaj liberecoj. Iam kelkaj francoj forprenis Manneken-Pis. Sed, ĉar la malfeliĉuleto embarasis ilin, ili forlasis lin je kafeja pordo, sur la angulo de la strato «Petite Ile» (malgranda insulo). Oni retrovis ĝin tie kaj oni reportis ĝin sur ĝian piedestalon. Baldaŭ poste, li estis insultita de francaj grenadistoj. Estis tro. La popolo ne povis toleri, ke oni malrespektu ĝian protektaton. Ribelo okazis kaj sango fluis. Ludoviko la XVa punis severe la aŭtorojn de la malbona ago, kaj, por detrui, en la spirito de la Bruselanoj de la malbonan impreson pri siaj soldataj, li donis, al nia heroo, riĉan kostumon, ĉapelon kun plumfasko kaj glavon; li donis al li, krom tio, la personan nobelecon kaj kreis lin kavaliron de la fama « ordre de Saint-Louis » (3), pro tio, la soldatoj devis fari al li la militan salution

Fine, li estis forprenita lastfoje, dum la nokto (4an 5an de Oktobro 1817a) de liberigita punlaborulo. Sed li estis retrovita iom da tempo poste, kaj la ŝtelisto ricevis la punkolringon la 26an de Novembro.

Oni remetis nian heroon sur lian piedestalon la 6an de Decembro de la sama jaro, kaj la tiamaj ĵurnaloj gloris la okazon.

Jen, kion diris la «Gazette du vrai libéral» (7an de Decembro 1817).

«Manneken-Pis reenfunkciiĝis hodiaŭ. Ĉiuj loĝantoj vidis plezure, kiel zorge oni riparis lin. Feliĉe, li reaperis sen tiuj vanaj ornamaĵoj per kiuj oni senutile ŝarĝas lin en la festtagoj. Lia bonfaro estas pli abunda ol iam : la akvo kiun li disdonas estas sendube nektaro, laŭ la rapidemo de la popolamaso kiu volas ĝui ĝin».

Kaj la «Journal de Belgique».

«La fama Manneken-Pis estas relokita hodiaŭ en sian niĉon, je l'granda kontenteco de siaj najbaroj; li estas tre bone riparita kaj estas nun ŝraŭbita sur bronza tableto.»

La ŝildo de l'apuda kafejo, tiuokaze, havis la sekvantan surskribon: «Al Manneken-Pis, retrovita de la samregnanoj je ĉies kontenteco.» Tiu anonco malaperis poste.

* * *

Ne estis ĉiam akvo kiun nia amiketo disĵetis.

Antaŭe, dum grandaj festoj, okaze de la eniro de regnestro en lia «bona urbo» Bruselo, aŭ de ia ajn alia grava okazo, Manneken-Pis, forlasante sian ĉiutagan kutimon, ĵetis en la aeron mielakvon aŭ

(3) Ordeno de Sta Ludoviko (N. de la trad.)

vinon, je la granda ĝojo de l'popolo, kiu malfermis ravitajn okulojn kaj ankoraŭ pli ravitan buŝon. Kaj estis plezurige vidi la popolon, kiu rapidas al la benita fonto kun potoj, boteloj, flakonoj, mezuriloj, kruĉegoj, puŝante unu la alian, batalante, kurante, kriante «Vivu ! Vivu ! La junuloj ĝojegis, la plenaĝuloj ridis, ĉiuj amuziĝis; kaj, superstaranta la amason, tie, sur sia piedestalo, kvieta meze de tiu ekscitegeco, Manneken-Pis, ridetante, verŝis malavare la ĉarman likvaĵon! Sed tiuj disdonoj de longe ne plu okazas. Niaj geavoj apenaŭ memoris la tagon, kiam la bona infano verŝis, lastfoje, la dian trinkaĵon. Akvo, ĉiam akvo; kaj dum la vintro, la knabeto, tute nuda, malgraŭ la malmildeco de nia klimato, vidas la akvon malfluidiĝintan ĉirkaŭ si en hela kaj ornama glacio, kiu aldonas pentrindan aspekton al la monumento.

Tamen en1890a, donemaj koroj entreprenis refari la antikvan kutimon. Dum la somero, kiam Bruselo havis grandajn festojn, Manneken-Pis ŝanĝis, dufoje en la daŭro de du tagoj, sian jarcentan kutimon. La unuan fojon, li donis al ni vinon, la duan «lambic», (4) la faman bruselan bieron.

Estis, certe, ĉarma spektaklo; floraj kurtenoj ornamis lian niĉon ; la girlandoj rebrilis en speguloj lokitaj sur la flankoj de lia dometo kaj estigis brilantan koloraron; nova vivo ŝajnis pliviglігi nian heroon per festkostumo vestitan, kun tripinta ĉapelo kaj glavo. Antaŭ li, troviĝis tablo, sur kiu du viroj rikoltis la multekostan likvaĵon ; ĉirkaŭ la tablo, aliaj personoj disdonis ĝin.

Kaj, el la densa amaso, kiu premiĝis sur la apudaj stratoj, supreniris ridadoj, ĝojaj krioj, feliĉaj bruoj de la infanoj kiel de ĉiuj.

Tamen, ĉiam trankvila kaj ĉiam ridetanta, tronante meze de l'floroj, Manneken-Pis, feliĉa kiel adorita princo, plenumis sian ĝojan laboron. Li ĝin ĉiam plenumu !

* * *

Tia estas la verdirema historio de tiu kiun liaj samlandanoj surnomis «la plej malnova burĝo» de la urbo. Tia estis lia sorto !

Granda skulptisto fandmodelis lin bronze; la elektanto Maximilien riĉigis liajn vestaĵojn, la reĝo Ludoviko la XVa nobeligis lin kaj kreis lin kavaliron de Sta Ludoviko, Napoleono la 1a faris lin ĉambelanon. Poetoj kantis lin, riĉaj burĝoj fondis por li rentojn; ĉirkaŭ 1822a, sinjorino el Bruselo testamentis al li mil florenojn; oni vestigas lin belege por la Difesttago kaj por la kermeso de Bruselo; oni pagis lakeon por lin vesti. Liaj rentoj estas grandaj, kaj, ĉar liaj gustoj estas modestaj, ĉar li malmulte foruzas, eble li baldaŭ havos riĉecon egalan al tiu de la financreĝoj.

Oni riproĉas lin — sed kiu ne havas malamikojn ? — ĉar singardeme, li ordiĝis laŭ la opinio de ĉiuj regnoj kaj ĉar li surmetis la emblemon de ĉiuj reĝimoj. Oni diras: hodiaŭ vi tamen gloriĝas esti Belgo. Vi estas prudenta persono, sed vi ne estas patrioto!

Nu! estas eraro. Jes, Manneken-Pis estas patrioto. Ĉu estas lia

(4) Elparolu: Lambik.

kulpo se la samtempuloj de liaj diversaj aĝoj donis al li la insignojn, kiujn ili respektegis je tiuj diversaj epokoj? Ve! la malfeliĉuleto ne povis paroli! Li estus forĵetinta tiujn emblemojn kaj, fidela al la malnova urbo, kie li naskiĝis, li estus paradinta en la faldojn de la Brusela flago.

Ĉar, oni ĉiam forgesis ke Manneken-Pis estas, antaŭ ĉio, Bruselano.

# Belga Kroniko

ANTVERPENO. **Antv. Grupo de Esperantistaj diamantistoj.** — En la salono «Volksvlijt», Breydelstrato, okazis festo la 29an de Julio, okaze de la datreveno de la fondiĝo de la grupo. Gesamideanoj el ĉiuj grupoj de la urbo, kaj plimulte da neesperantistoj plenigis la salonon kaj ĝuis atente la zorge kunmetitan programon, kiu konsistis el kantoj kaj deklamadoj parte Esperantaj, parte nacilingvaj. Eĉ arta dancado ne mankis. Ĉiuj kunlaborintoj meritas laŭdon kaj tutkoran dankon, precipe la profesiaj artistoj, kiuj senpage, nur pro simpatio al nia movado, helpis sukcesigi la feston. Ni nomu la famekonatan aktoron Piet Janssens, kiu deklamis Esperante kaj flandre, la kantistinon S-inon Verhasselt Smits, la du flutistoj S-oj A. Van Varenbergh kaj D. Sternfeld, kiuj per sia ludo ensorĉis la multnombran publikon. S-o L. Van der Schelden belege kantis, kaj nia malnova samideano S-o A. Van de Velde deklamis i. a. «La bela Sonĝo» de Rosa Junck kaj «La Vojo» de LL. Zamenhof. Ges-oj Di Rossi el Paris montris ravajn dancojn, kaj juĝante laŭ la brua aplaŭdo, kiun ili rikoltis mi kuraĝas diri, ke tiu arto plaĉis al ĉiuj ĉeestintoj. «Last not least», F-ino A. Swalf, kiu havis la pezan, sendankan taskon akompani la geartistojn fortepiane, kiun ŝi plenumis majstre. — Dum malgranda interakto S-o Posener dankis la prezidanton instruanton J. Swalf, pro lia sindonemo al nia afero, kaj prezentis al li, en la nomo de la grupo, belegan florgarbon. S-o J. Swalf, dankas la socian fakon de la Antverpena Ligo de Diamantistoj, kiu ne ĉesis efike helpi la Esp. Grupon; li ankaŭ dankas siajn kunkomitatanojn, kaj havas kelkajn agrablajn vortojn por la artistoj. — La brile sukcesinta festo finiĝis per premilotado, post kiu komenciĝis la dancado, kiu daŭris... ĝis... tre malfrue !

**La Verda Standardo.** — Tiu Grupo kiu laboras en la Sindikato de la Komercaj Oficistoj de Antverpeno organizis propagando-vesperon Lundon 4an de Septembro en la kleriga grupo « Hooger Streven ».

S-o De Ketelaere faris paroladon pri la neceseco kaj utileco de Esperanto precipe en la Komerco Internacia. Interesa debato sekvis tiun klarigon kaj ekmontris ke la plimulto de la ĉeestantaro estis konvikita. Kelkaj personoj sin tuj enskribis por la proksima kurso kaj la aliaj promesis sekvi ĝin laŭ ebleco de la cirkonstancoj.

BRUĜO. — Dum la maja monato la estraro de la «Bruĝa Grupo Esperantista» ageme propagandis kaj penis varbi multajn partoprenantojn al la XIa kongreso en Sankta Nikolao. La grupo havis la plezuron akcepti Sron. Karlo Poupeye, fidela ano de la grupo, kiu nuntempe deĵoras en Germanujo. La simpatia prezidanto de la grupo el Verviers, Sro. Pirnay, vizitis la grupon je la granda kontenteco de la membroj. Fino. Henriette Ronse kaj Sro. Nestor Van Eggen deklamis kaj ĉiuj ĝojis pri la agrabla vespero. Okaze de la kongreso en St. Nikolao, kelkaj gesamideanoj el Verviers vizitis la marbordon kaj Bruĝon. Dum la kunveno de la 8a de junio la Prezidantino havis la plezuron deziri la bonvenon al Sroj. Blause Etienne kaj Hérion. Post raportoj pri la kongresa agado, faritaj de Fino. Thooris kaj Sro. Hérion, la gesamideanoj disiĝis kun la espero ke ambaŭ grupoj de Verviers kaj Bruĝo prosperu kaj plivastiĝu.

GENTO. — Malfermiĝis Esperanto-kurso por ĉirkaŭ 25 geanoj de la sindikato de socialistaj geinstruistoj. Polemiko okazis en la ĉiutaga ĵurnalo « La Flandre Libérale » pro artikolo malfavora al Esperanto kaj al niaj Francaj samideanoj. Bonaj protestaj artikoloj aperis tiuokaze.

MEĤLENO. — Okaze de la Ekspozicio pri komerco kaj industrio, okazinta en Mehleno dum la aŭgusta monato, la tiea grupo organizis Esperantan ekspozicion kiu tre bone sukcesis.

VERVIERS. — La manifesto de la tutmonda instruistaro aperinta al la Genèva konferenco estis france tradukata kaj dissendata de la loka grupo al kelkaj oficialuloj inter kiuj la urbestro, la Skabeno pri publika instruado kaj la lernejdirektoro.

La kursoj por la laboristoj de «La Lainière» gviditaj de Sroj. Dohogne kaj Pirnay, finiĝis la 21an de majo; rezultis kelkaj novaj membroj por la grupo. Ankaŭ la kurso de Sro. Hérion en la Popola universitato finiĝis la 29an de majo. Je tiu okazo la 17 restantaj gelernantoj dankfestis sian instruinton; unu el ili legis dankesprimant leteron dum aliaj oferis, je la nomo de ĉiuj, belegan florbukedon kaj riĉan bankbiletujon kie! memoraĵon. Sro. Hêrion, tra kortuŝita, esprimis sian grandan surprizon kaj sinceran dankon. La gelernintoj fariĝis ano de la grupo.

Kvanto da Esperanto-Film Nº 3 estis dissendataj al la geanoj de la « Pedagogia Societo ».

La dua ekskurso intergrupa okazis la 25an de majo, la grupanoj de Liége, Sclessin kaj Verviers partoprenis multnombre; la Spaanoj senkulpiĝis. La celo estis la grotoj de Adzeux kaj Grandchamps, apud Louveigné. Ĝi bone sukcesis kaj la partoprenintoj konservos agrablan memoron pri ĝi.

Dimanĉon 2an de Julio okazis en Verviers granda festo kaj konkurso por flagoj. La tiea Esperantista grupo profitis la okazon por ekspozicii sian flagon kaj partopreni la sekvantaron kiu trairis la urbon. Ĝi gajnis monpremion donacitan de la ekspozicio.

Sabaton 15an de junio okazis ĝenerala kunveno de la grupo dum kiu oni akceptis 22 novajn membrojn ĵus finintajn la kurson.

# Koresponda Fako:

DEZIRAS KORESPONDI :

S-o P. Czechowski, « Pocisk», Rembertów, Varsovo, Polujo, deziras korespondi kun instruistoj metiistaj kaj interŝanĝi lernolibrojn por lernejoj metiistaj

S-o O. F. Neumann, Recherweg 15, Limmerich Rhein, Germanujo.
S-o Eriko Spillner, Schrotdorferstr., 6, Magdeburg, Germanujo.
S-o Kurt Brunn, Weststr., 17, Leipzig Leutsch, Germanujo.
S-o Walter Schulz, Greifswaldestr., 47, Berlin, N. 55, Germanujo.
S-o Alberto Weber, Altwasser II, Hochwaldstr., 6, Germanujo.
S-o Kurt Küchler, Rabenstein apud Chemnitz, Saksujo, Germanujo.
S-o Hans Iffländer, Alsenstr., 88, Breslau, Germanujo.
S-o Šila Karel, oficisto, Libŝfca n/Vit. u. Prahy, Ĉehoslovakujo.
S-o Francisko Tomuzek, N. 245, Sucha Gorna, Ĉehoslovakujo.
S-o Karel Myŝak, Riegrova, 7 Praha-Zizkov, Ĉehoslovakujo.
S-o Karl Tinna, Karmelitska, 54643, Praha III, Ĉehoslovakujo.
Stefano Lippay, Serhaz-u. 42, Miskolcz (Hugarujo).
I. Szöke, fögimnazium, Szentes (Hungarujo).
Jenö Rosenberg, Sörhdz u. 64, (Hungarujo).
Karlo Abroŭ, Temetö ut. 28, Szombathely, (Hungarujo).
Stefano Nyiry, Hungaria ut 32 n, Kitspest II, (Hungarujo).
Jozefo Hegert, str. Honved 16, Kaposvar (Hungarujo).
Alexander Enten, Baross-u 109, Erzebetfalva (Hungarujo).

DEZIRAS KORESPONDI :

Josefo Krausz, felso malom str. 18, Pécs (Hungarujo).
Jan Grzesiak, Izkota Lotuikow, Bydgoscz (Polujo).
Stefan Block, Anczewshut, 7, Cvovo (Lwow).
J. Polisiakiewicz, Internato, ul. Wolnanska 253, Lodz, (Polujo).
Adolfo Szezerba, Przykopa 13, Cieszyn (Pola Slezio).
I. Burakiski, Niemeka ul d. 29/33, Wilno (Polujo).
Adolf Sturmayr, Aubach a/Donaŭ (Austrujo).
Erwin Altenburger, Haydnstr., 10, Salzburg (Austrujo).
Robert Eckert, Stiftgasse 8, Wien VII (Austrujo).
Karl Menhard Schlosser, Bundesbahnwerkstätte, Salzburg-Itzling (Austrujo).
Josef Hauer, Burgerspitalgasse 3 11/19, Wien VI.
Josef Spruĉannski, oficisto ĉe ŝtata policejo,. Jokai str., Komarno (C.sl.)
Karlo Zseman, studanto ĉe komerca akademio,Vilky Osek,(Ĉehoslovak).
L. Farkaŝ, Pl. de l"Fruntiŝkano 8, Bratislava (Ĉehoslovakujo).
B. Benetka, 243, Tyrŝova, Jiĉin (Ĉehoslovakujo).
Aleksandro Traĥlerow, Ĥarjkovskaja 32, Baĥmut (Don. gub) Ukrainio (Rusl.)
Wilhelm Dörken, fervojisto, Büderich, (Môrs-Rhein-Germanujo).
Erich Hunger, Friedrichstr., 24, Merseburg a/Saale (Germanujo).
Kurt Mehnert, Seminarstr. 11, Auerbach, V., (Germanujo).
Walter Strenger, Metzstr. 48 F F Stuttgart (Germanujo).
Willi Lippmann, Hauptstr., Glashütte (Saksujo).
Bernardo Kirchner-Orlando, Kriegsbergstr., 22. 11. Stuttgart. (Germ.).
Rudolf Heinz, Hanauerlandstr., 137, IV. Frankfurt a/Main.
Reinhold Wolf, Leipzigerstr. 16, Engelsdorf/Leipzig.
Jos. Ippen, Uedingerstr, 180 Crefeld, (Germanujo).
F-ino Margarete Graske, N. 500 b., Wurgwitz/Dresden.
Adalberto Geiger, Krämerstr. 7, Stuttgart/Gablenberg (Germanujo).
Eduardo Capdevilla, Carders 297da 3a, Barcelona (Hispanujo).
Nikola Grand, st. Regenska 79, Sofia (Bulgarujo).
F-ino Suzanne Duboc, 33 rue de Nestrie, Le Hâvre (Francujo).
Erik Fagerström, Slottsgatan 57, Oskarsham (Svedujo).
Jan W. Schouten, Jr., Gasthuislaan 186r., Haarlem (Nederlando).
Svante Kivinen, Nokia (Finnlando).
Artur Klavin, Alsvika ula N. 11, Aluksne (Latvujo).
Rob. Silwester, Rohu t. 13-9, Tallinn (Estonujo).
Jenö Rosenberg, Sörhdz u. 64, (Hungarujo).
Erwin Altenburger, Haydnstr. 10, Salzburg (Austrujo).
J. Polisiakiewicz, Internato, ul. Wolnanska 253, Lodz, (Polujo).
Adolfo Szczerba, Prykopa 13, Cieszyn (Pola Silezio).
Josef Spruĉannski, oficisto ĉe ŝtata policejo, Jokai str. Komarno
Stefano Nyiry, Hugaria ut 32 n, Kispest II, Hungarujo).
Robert Eckert, Stiftgasse 8, Wien VII (Austrujo).
(C. sl.).
Wilhelm Dörken, fervojisto, Büderich, (Mörs-Rhein-Germanujo).
Walter Strenger, Metzstr. 48 F, Stuttgart (Germanujo).

Oni povas mendi la ĉi-subajn librojn ĉe la kasisto de la Ligo:
S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle (Bruselo).
(Poŝtĉek-konto: N° 39984).

| | | |
|---|---|---|
| Literaturo: Formortinta Delsuno René Vermandere | Fr. | 4.— |
| » La Amuzistoj. — Miguel Zamacoïs | Fr. | 3.50 |
| » Kion Patrino povas suferi. — H. Conscience | Fr. | 1.— |
| » Poemaro. — Tiflisano | Fr. | 0.50 |
| Teatraĵoj: Devo de Reĝo. — Nestor de Tière | Fr. | 2.— |
| » Bietje. — Maurits Sabbe | Fr. | 2.— |
| » La Ŝipeto. — J. De Vos | Fr. | 2.— |
| Monologoj: La Turisto kun la Verda Stelo (O. Van Schoor) | Fr. | 0.75 |
| » Judas'o (O. Van Schoor) | Fr. | 0.75 |
| » La Servistinoj (O. Van Schoor) | Fr. | 0.75 |
| » La Telefono (O. Van Schoor) | Fr. | 0.75 |
| Muzikaĵoj: La Tagiĝo | Fr. | 0.50 |
| » Mi aŭdas vin | Fr. | 2.50 |
| » La Espero | Fr. | 1.25 |
| Diversaĵoj: Titolaro de eldonaĵoj en kaj pri Esperanto | Fr. | 1.— |
| » La Vérité (De Waarheid). Esp. Ido. | Fr. | 0.25 |
| » Autour de l'Esperanto | Fr. | 1.— |
| » Kolekto de 25 kongresaj poŝtkartoj | Fr. | 3.— |
| » Poŝtkarto «La Espero» | Fr. | 0.10 |
| » Poŝtkarto Portreto D-ro Zamenhof | Fr. | 0.10 |
| » Poŝtkarto «Leert Esperanto» | Fr. | 0.10 |
| » Apprenez l'Esperanto | Fr. | 0,10 |
| » Manĝokarto | Fr. | 0.25 |
| » 100 Propagandaj sigelmarkoj | Fr. | 2.— |

LA TUTA KOLEKTO de ĉi-supraj eldonaĵoj estas aĉetebla je rabatita prezo de Fr. 25.—.

Ni posedas diversajn jarkolektojn de la Revuo «Belga Esperantisto», kiujn ni povas cedi je jenaj prezoj:

A. Plena sepjara kolekto, Fr. 65. — (Tre interesa dokumento por ĉiuj grupoj kaj propagandistoj. NI POSEDAS NUR 8 KOLEKTOJN.

B. Kolekto de la unua jaro 1908-09, Fr. 8. (Nur 18 kolektoj).
dua jaro 1909-10, Fr. 8. (Nur 18 kolektoj).
tria jaro 1910-11, Fr. 7. (Nur 64 kolektoj).
kvina jaro 1912-13, Fr. 5.—.
sesa jaro 1913-14, Fr. 5.—.

☛ FINE estas havebla granda kvanto de apartaj antaŭmilitaj numeroj de «Belga Esperantisto», kiujn ni povas liveri je Fr. 0.30 po kajero.

aŭ je Fr. 20.— po 100 ekzempleroj.

La samideanoj povas krei al si, je tre favoraj kondiĉoj tre interesan biblioteketon.

Aliflanke la apartaj numeroj de nia revuo estas tre taŭga materialo por agrabligi la grupajn kunvenojn kaj kursojn, en kiuj ili tre facile povas anstataŭi la nuntempe tre multekostajn legolibrojn.

# Belga Gazetaro

BRUSELO. — « La Dernière Heure » (25-8) represas humoran bildon pri « la suspektita lingvo » el « l'Oeuvre », pariza ĵurnalo.

« Het Laatste Nieuws » (24 9); komuniko pri novaj kursoj en Mechelen.

« Peuple » (19-8): Fantazia, iom skeptika kroniko pri Esperanto. La aŭtoro finante sian artikolon diras: « Mi estas tute preta laŭdi Esperanton se iu volas klopodi por min konvinki ».

« Le Drapeau Rouge » (16-9): represo de la artikolo « La valeur de l'Esperanto » de Romain Rolland kiu aperis en « Sennacieca Revuo ».

ANTVERPENO.— «La Métropole» (4-8): letero el Parizo, kun timiga bildo de nia lingvo kaj de Esperantismo. La tuta artikolo estas brodita ĉirkaŭ la konata decido de la franca ministro de instruado. (11-8): komuniko el Helsinki pri la kongreso.

« Neptune » (16-9): komuniko el Genève pri la decido de la Ligo de Nacioj.

« De Diamantbewerker » (2, 9, 16, 23-9): sciigoj kaj propagandaj alvokoj en Esperanto kaj en flandra lingvo de la komitato de la Antv. Grupo de Esp. Diamantistoj.

GENTO. — « Gazette van Gent » (9-8): traduko el « Litova Stelo »; (26, 28-8): du leteroj de nia samideanino M. De Rycke, el Litovujo; (15, 19, 21-8, 15, 25, 30-9): Leteroj kaj dokumentigaj artikoloj pri la Kongreso en Helsinki kaj pri la juna Respubliko Finna, ankaŭ verkitaj de F-ino De Rycke; (18, 25, 8, 1-9): 9a, 10a kaj 11a lecionoj de Esperanto.

« La Flandre Libérale » (4, 5-8) Aprobaj leteroj el Parizo pri la decido de ministro Bérard; (9-8): protesta letero de la Komitato de la grupo « Progreso » el Gento; (12-8): alia respondo de esperantisto, kiu subskribas: « membro de la Belga Ligo Esp. ». La du respondoj sendube faris plej bonan propagandon inter la legantaro de la gazeto. (11-9): enhavo de la No 6-7 de « B. E. ».

MECHELEN. — « Gazet van Mechelen » (19-9): Bona artikolo pri Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj. (23-9): komuniko pri novaj kursoj.

BRUĜO. — «Schoolbloempje » (julio): dupaĝa artikolo pri Esperanto de nia prezidanto Witteryck. Ni represas la artikolon en nia Esperanto-Film.

LA LOUVIERE kaj MONS. — La gazetoj « Les Nouvelles » (18-9), « Le Progrès » (15-9), « La Province » (20-9) diras, ke la L. d. N. akceptis Esperanton kiel helplingvo internacia!

« La Nation Belge » (13-8): letero el Parizo kun favoraj komentarioj pri la decido de la franca ministro.

# Alvoko al la Esperantistaj scienculoj, literaturistoj, artistoj, kaj ĉiuspecaj fakuloj

Je la tria fojo okazis dum la monato aŭgusto 1922a, en la Monda Palaco en Bruselo, Internacia Semajnoduo, dum kiu diverslandaj scienculoj, literaturistoj, artistoj, venis paroladi pri temoj koncerne sian profesion. Ĉiuj ĉefaj lingvoj de la civilizita mondo estis uzataj por tiuj paroladoj. Dank'al la sindonemo de S-roj Paul Otlet kaj Henri Lafontaine, la kreintoj kaj organizantoj de la Semajnoduoj, Esperanto estis ankaŭ akceptita de la unua fojo (1920) inter tiuj lingvoj.

En 1920a S-ino Cense, D-ro P. Corret kaj D-ro Vanverst; en 1921a S-roj Gabriel Chavet, L. Demarcy kaj Muffang venis trakti temojn diverssciencajn por pruvi tiamaniere la praktikan uzeblecon de nia lingvo. Nunjare kvin paroladoj plej diverstemaj estas donitaj de F-ino Jennen kaj de S-roj L. Demarcy, M. Somerling kaj L. Cogen.

Ĉiuj antaŭnomitaj gesamideanoj estas ĉu francoj, ĉu belgoj. Estus tamen necese, ke, estonte, ankaŭ alinacianoj partoprenu la semajnoduojn por ne nur montri per la traktotaj temoj la taŭgecon de nia lingvo en ĉiuj kampoj de la homa agado, sed ankaŭ por pruvi la similecon, la unuecon internacian de Esperanto, je la vidpunktoj de elparolado kaj de uzado.

Tial la subskribintoj, kunvenintaj la 29an de aŭgusto 1922a, en la Monda Palaco, ekstarigis Komitaton kun la celo varbi por la estontjaraj semajnoduoj, diversnaciajn amiklandajn paroladontojn Esperantistajn kaj esperas, ke la gesamideanoj komprenos la grandan gravecon de la akcepto kaj de la restado de nia lingvo en tiuj ĉiujaraj internaciaj manifestacioj de la spirita kaj arta vivo. Kaj kia nekomparebla kampo por la propagando inter la internacia intelektularo estas la Semajnoduo! Ili do faras varman alvokon al la amikaj gesamideanoj kiuj intencas vojaĝi dum aŭgusto 1923a al Bruselo por fari ian paroladon dum la venonta semajnoduo (ekzemple antaŭ aŭ post la tutmonda kongreso de Esperanto).

Ili invitas la fremdlandajn gesamideanojn por plenigi la Komitaton, reprezenti ĝin en siaj reciprokaj amikaj landoj kaj helpi al la varbado de paroladantoj.

Ĉiuj gebonvoluloj sin turnu al s-ro L. Cogen, 52 Dreef, Ninovo (Belgujo).

La starigintoj de la Komitato por la varbado de Esperantistaj paroladantoj por la Internaciaj Semajnoduoj):

F-ino M. Jennen, S-roj L. Demarcy, Petiau, F. Mathieu, V. Hendricx, Fr. Schoofs, Groverman, M. Somerling, J. Pirnay, L. Cogen.

Bruselo, la 29an de aŭg. 1922a.

P. S. — La Semajnoduoj komencas ĉiujare la antaŭlastan dimanĉon de aŭgusto.

**Ĉiuj Esperantaj gazetoj bonvolu publikigi ĉi tiun alvokon, kaj sendi provnumeron al S-ro L. Cogen suprecititan.**

Tria Semajnoduo ĉe la Monda Palaco en Bruselo
(20a de aŭgusto - 3an de septembro 1922)

# La Esperantaj Paroladoj ĉe la Internacia Universitato

Sinjoroj Paul Otlet kaj Senatano Henri Lafontaine organizis dum la nunjara dua duono de aŭgusto, je la tria fojo depost la milithalto, la gravan kunvenon de multlandaj scienculoj kaj studentoj, kiun ili nomis «Internacia Semajnoduo». Okazis dum ĝia daŭro multaj diverssciencaj paroladoj en lingvoj franca, angla, hispana, itala. Multaj geaŭskultantoj el diversaj landoj ĉeestis la lecionojn de la internacia Universitato. La du organizantoj faris, kiel la antaŭajn jarojn, favoran lokon al Esperanto, kaj nia bonega franca samideano, S-ro L. Demarcy kaj via servanto prenis sur sin, iom malfrue, la nunjaran organizadon de la paroladoj en nia lingvo. Ekster si mem, ili sukcesis trovi du bonegajn gehelpantojn: fraŭlinon Jennen kaj S-ron Van de Velde (Gento), kiu, malhelpata lastmomente, estis anstataŭata de S-ro M. Somerling.

Via servanto malfermis la serion, sabaton la 26an de aug., parolante antaŭ deko da geaŭskultantoj, pri «La plibonigo de la Muzikskribo kaj ĝia solvo per la Aŭtonoma Muziknotado.»

Lundon, la 28an, li traktis, denove antaŭ deko da personoj, alian al si karan temon: «La plibonigo de la kalendaro.»

Mardo, la 29a de aŭg. estis vera Esperantotago. Okazis tiam tri interesekvantaj paroladoj: S-ro Somerling klarigis en vere majstra kaj instruplena maniero pri: «La barmuro de la Gileppe». Tiu vere universitata leciono estis tiel konvinkiga pri la merito de nia lingvo en la scienca kampo, ke S-ro Demarcy, ĝin ĉeestanta, ekkriis: «Diri, ke ekzistas sensprituloj neantaj la taŭgecon de Esperanto !»

Poste, fraŭlino Jennen faris en la speciala aŭskultejo kaj antaŭ multhoma publiko, tre belan paroladon kun lumbildoj pri «Ĉeĥoslovakujo», de kie ŝi estis reveturinta nur tri tagojn antaŭe. Multaj sciindaĵoj ŝi rakontis pri la historio, la geografio, la loĝantoj, la lingvoj, la kutimoj, la arto, k. c. de tiu «nova» lando, uzante dum unu horo belsonan kaj neriproĉindan Esperanton. La bildoj, lerte elektitaj, estis mirinde belaj. Certe tiu parolado impresis kaj efikis la neesperantistajn ĉeestantojn.

Fine, S-ro Demarcy parolis pri la historio de la stenografio kaj ĝia rilato kun Esperanto». Kiel enkonduko, nia amiko certigis la bonajn sentojn de la franca popolo al la belga (kaj ni, belgoj, povas doni al li la certigon pri la kora reciprokeco!) Tiam li faris rapidan trarigardon tra la historio de la stenografio de la antikva epoko ĝis nun; li insistis pri la Duployé'a sistemo, sciigante ke ekzistas almenaŭ tri alfaroj de ĝi al nia lingvo.

La diversaj geparolintoj estis kore aplaŭdataj.

Oni zorgis, ankaŭ por la diskonigo de la L. I. inter la geanoj de la Semajnoduo, disdonante multajn propagandilojn.

Post la parolado de S-ro Demarcy, kelkaj el niaj geamikoj tuj form-

is Komitaton por partoprenigi, ĉiujn jarojn, diversnaciajn paroladantojn Esperantistajn al la Semajnoduoj. Neniu loko, efektive, estas pli favora al la disvastiĝo de nia lingvo, inter la intelektularo, o! la Monda Palaco, en kies konstanta muzeo ekzistas, kiel oni scias, tre dokumentita Esperanta sekcio ĉiam pliriĉiĝanta. Neniam Esperantistaro estos sufiĉe danka al S-roj Otlet kaj Lafontaine pro la enkonduko de Esperanto en tiu Muzeo, kaj en la Internacia Universitato.

L. Cogen.

# Por la Monumento Zamenhof

Sesa Listo :

| | |
|---|---|
| J. M. de Villa, Habana: 5 dolaroj po Fr. 13.90 | Fr. 69.50 |
| Antonio Aleman Ruiz, Habana, 5 dolaroj po Fr. 13,90 | Fr. 69,50 |
| | Fr. 139,00 |
| Antaŭaj listoj: | Fr. 810,00 |
| Sumo : | Fr. 949,00 |

(Donacojn sendu al Fr. Schoofs, poŝtĉekkonto N° 284, 20, Antverpeno)

## Por " Esperanta Ligilo „ de la Blindaj Esperantistoj

Sepa Listo :

| | |
|---|---|
| Esperantistoj kiuj ĉeestis sonorilarkoncerton en Mechelen | Fr. 8,80 |
| Ekskurso Verda Stelo al Esschen | Fr. 10,60 |
| | Fr. 19,40 |
| Antaŭaj listoj : | Fr. 582,30 |
| Sumo : | Fr. 601,70 |

(Donacojn sendu al Fr.Schoofs, poŝtĉekkonto 284, 20, Antverpeno)

## Por " Esperanta Ligilo „ de niaj blindaj samideanoj

Dank'al la malavareco de niaj belgaj geamikoj, estis eble al ni, sendi al S-ro Percy Merrick, Kasisto de «Esperanta Ligilo», unuan sumon de Fr. 500.—, produkto de la monkolekto organizita en «B.E.) Kun plezuro ni presigas ĉi-sube la enhavon de letero, kiun ni tiuokaze ricevis de S-ro Merrick, esperante, ke ĝi instigu niajn geamikojn ne ĉesi sian sindoneman oferadon de monrimedoj, por ke la direktantoj de la interesa revuo por blinduloj povu kvietkore daŭrigi sian belan entreprenon.

« Woodleigh-Shepperton (Angl.), 22an de sept. 1922

« Kara S-ro Schoofs,

« Reveninte hejmen antaŭ du-tri tagoj mi ĝojege trovis vian bon-
« koran leteron kaj la 500 belgajn frankojn por «Esperanta Ligilo,»
« la blindula Esperanta Gazeto. Mi enmetas formalan kvitancon por
« la mono, kaj mi esprimas mian plenkoran dankon al vi kaj al ĉiuj

« el viaj legantoj, kiuj tiel malavare donacas al la afero. Mi dankas « ne nur pro la sumo ricevita, sed multe ankaŭ pro via propono pri « la daŭrigo de la kolektado! Al ĉiuj koncernitaj mi petas, akceptu « la korajn dankojn de la tutmonda blinda Esperantistaro! Vere, via « helpo estas gravega.

« Kompreneble mi tre volonte donos ĉiajn sciigojn pri la «Ligilo» « kiujn mi povos, kaj se mi ne sufiĉe rakontas en ĉi tiu letero, bon- « volu peti pluajn detalojn.

« Nia nuna financa stato estas jene:

« La produktado de la gazeto: materialo, steriotipado, presado, li- « verado, de 675 ekzempleroj ĉiumonate en 32 landojn, kostas pres- « kaŭ precize 50 (kvindek funtojn anglajn) po trimonate. La redak- « tado kun ĉiuj korespondaj elspezoj estas senpagaj. Post la saldo « de ĉiuj ŝuldoj ĝis la fino de ĉi tiu monato, ni havas en Anglujo « 130 F. st. deponataj en banko, kaj 22 F. st. pretaj por sendi al Sve- « dujo (1) laŭbezone. Krom tio ni havas en la sveda banko (enkalku- « lante la 500 belgajn frankojn, kiujn mi tuj alsendos) preskaŭ sufiĉe « da mono por pagi la Decembran kalkulon. Efektive, do, nihavas sufi- « ĉan por iom pli ol la unua duono de 1923 laŭ la nuntempa ĉiumonata « elspezado. Tamen, nia legantaro kreskas, kaj ĉar malmultaj el la « blinduloj povas pagi kotizojn, la pligrandiĝo de la legantaro signi- « fos pligrandiĝo de elspezoj.

« Oni sendas la gazeton senkotize al ĉiuj blindaj Esperantistoj kiuj « deziras ricevi ĝin.

« Dum kaj post la XIVa kongreso mi vizitis blindulejojn en Hels- « ingfors, Stockholm, Kopenhago, kaj Frankfurt a.M. kaj ĉie trovis « blindajn Esperantistojn, kiuj tre laŭdis nian ĵurnalon. Mi ankaŭ « restis kelkajn tagojn ĉe la blinda kaj preskaŭ surda redaktoro, Sro. « Thilander kaj vidis kiel sindone li laboregas, eĉ dum la somera « libertempo por la blinduloj. Li ne nur redaktas kaj steriotipas ĵur- « nalojn por blinduloj, sed li persone respondas ĉiutage amason da « leteroj, donante al ĉiu petanto sciigojn kaj bonajn konsilojn. Mal- « graŭ lia korpa limigo, li estas ĉiam gaja, ĉiam komplezema, ĉiam « laboranta por siaj karaj blinduloj!

« Kun kora saluto kaj renovigitaj dankoj, mi restas via,

W. P. Merrick.»

(1) «Esp. Ligilo» estas presata en Svedujo, de nia bonega blinda amiko Thilander (N.d.R.).

# Gratuloj

Al S-ro Gevers-Haubourdin, Sekretario de Verda Stelo, Antverpeno, kaj al lia estimata edzino, pro la naskiĝo de ilia filineto Virginie.

Al S-ro Leŭtenanto Maurice Van Wanseele-Barbaix (Düsseldorf), antaŭa sekretario de «Verda Stelo», Antverpeno, kaj al lia kara edzino pro la naskiĝo de ilia dua filineto Denise.

Al F-inoj Hortense Adriaensens, Julia Verheyen, Germaine Fabre, Julia Lichtenstein, kiuj sukcese plenumis lastan ekzamenon de la normala lernejo por instruistinoj.

# Quelques Opinions

**Tolstoi,** le grand philosophe, a dit: « La peine qu'exige l'étude de l'Esperanto est si minime et les résultats qui peuvent en découler sont tellement immenses, que personne ne peut se refuser à faire cet essai.»

**Le Général Leman,** le très regretté Président d'honneur de la Ligue Espérantiste Belge y ajouta:

«L'indifférence à l'égard de l'Esperanto est vraiment navrante et prouve plus encore que les guerres, l'odieuse barbarie dans laquelle croupit encore l'humanité!»

**Le Docteur Mayer,** professeur de littérature latine à l'Université de Cambridge, participa au Congrès Espérantiste, qui réunit à Cambridge en 1907, plus de 1700 adeptes du Dr. Zamenhof, venus de toutes les contrées du globe terrestre.

Le Dr. Mayer, alors âgé de près de 90 ans y parla couramment l'Espéranto et je lui entendis dire: «Quoiqu'arrivé au seuil du tombeau, j'ai encore voulu apprendre l'Espéranto, et c'est dans cette langue que je viens rendre hommage au Dr. Zamenhof, et lui témoigner ma profonde reconnaissance du miracle qu'il a réalisé et dont j'ai été témoin.

«J'ai vu se renouveler le miracle de la Pentecôte, lorsque le don des langues fut accordé aux humbles. Je me suis senti transporté dans un monde nouveau de concorde et de fraternité, dont vous, Zamenhof, fûtes le Christophe Colomb!

«J'ose proposer au monde entier l'Espéranto parceque celui-ci satisfait à toutes les exigences d'une langue internationale auxiliaire; il est simple et harmonieux, et son dictionnaire permet d'exprimer toutes les idées avec la plus grande précision.

**A. Van der Biest,** le très regretté Président de la Ligue Espérantiste Belge, m'a répété plus d'une fois: « Ce qui me convainc que l'Espéranto est une précieuse invention, c'est qu'il vaille à beaucoup d'hommes la peine de le combattre... Ne sont-ce pas, en effet les meilleurs fruits que les vers attaquent le plus volontiers ?»

A plusieurs reprises déjà, il m'est arrivé de parler français avec des Russes, des Anglais, desDanois, etc. Le français faisait office de langue auxiliaire. .

Je dois reconnaître que, chez ces personnes de nationalités diverses, parlant français, se remarquait une certaine différence dans la prononciation et la structure de la phrase, différence insuffisante il est vrai, à provoquer des malentendus.

Dans nos congrès mondiaux, j'eus l'occasion d'employer l'Espéranto avec des personnes appartenant à 28 nationalités différentes, et j'ose certifier que la différence dans la prononciation était moins sensible que lors de l'emploi du français et même que dans bien des cas, il n'y en avait plus du tout! Et comme l'Espéranto, ainsi que le latin, permet une grande liberté dans l'ordre des mots, toute différence dans la structure de la phrase y disparait complètement !

D'ailleurs, de même que l'Académie française veille à maintenir l'unité et l'uniformité de la langue française, de même, nous avons aussi notre Académie qui s'attache à ce que, dans tous les coins du monde, l'Espéranto use des mêmes mots et applique les mêmes principes.

Presque toutes les grandes inventions ont été persécutées, à leur origine, par l'incrédulité et l'ignorance.

Nu fut-ce pas le sort de l'imprimerie, des bateaux à vapeur, du métier à tisser, des chemins de fer?... Et que rencontra Colomb lorsqu'il prédit la découverte du Nouveau Monde,... Et Léopold II, lorsqu'il se proposa de civiliser l'Afrique Centrale?

Les attaques ne doivent pas nous effrayer, mais au contraire, nous exciter à redoubler nos efforts, dans notre oeuvre de science et de civilisation.

Et si certains hommes prétendent que l'Espéranto constitue un danger, parceque l'un ou l'autre adversaire en fait usage pour atteindre son but, et que pour cela il faut le combattre, alors je me demande s'il n'existe pas de motif pour supprimer toutes les forces neutres: la presse, les chemins de fer, le téléphone, les avions, etc.

Il est réconfortant pour nous de compter dans nos ranges un grand nombre, d'hommes éminents et de voir beaucoup de gouvernements et de municipalités inscrire l'Epéranto dans les programmes scolaires et l'appuyer financièrement.

A. J. WITTERYCK

Président de la Ligue Espérantiste Belge.

---

L'ESPERANTO A LA SOCIETE DES NATIONS. La 3e Assemblée Générale de laSoc., des Nations, dans sa séance du 21 sept., après avoir entendu Mr. le Sénateur Reynald, délégué de la France, a décidé d'approuver le raport favorable du Secrétaire Général, Mr Nitobe, sur l'Espéranto dans les écoles, avec les conclusions de la Commission, d'après lesquels la S. d. T. N. demande l'opinion de la Commission de Collaboration Intellectuelle, présidée par le grand philosophe Bergson, sur la question de la langue internationale. Elle a décidé également que le rapport bref et impartial de la Chambre de Commerce de Paris en date du 9 février 1921, soit ajouté en annexe au rapport précité.

Les délégués de la Chine, du Japon, de la Perse, de l'Afrique du Sud, de la Finlande et de la Bulgarie, ainsi que Lord Robert Cecil, ont soutenu l'Esperanto. Un rapport dans ce sens a été présenté par l'éminent linguiste, le Professeur Gilbert Murray de l'université d'Oxford.

---

# Autres Nouvelles

**Angleterre.** — Le vice chancelier de l'université de Birmingham, Sir Gilbert Barling, 15 professeurs, parmi lesquels Mr. Ritchie, professeur de littérature française, docteur ès-lettres de la Sorbonne, le maire, et le président de la Chambre de Commerce, ont envoyé à la Société des Nations une pétition favorable à l'enseignement de l'Espéranto.

**Brésil.** — Le 7e congrès de Géographie à Parahyba a émis un vœu favorable à l'Espéranto.

**Lettonie.** — Le Bulletin mensuel du Ministère de l'instruction publique a ouvert une rubrique espérantiste, de même que la «Kulturas Vesnesis», organe d'une grande association scientifique, et le quotidien commercial de Riga «Latvijas Sargs».

**Pologne.** — Le Bulletin officiel du Ministère des Postes du 12 juillet recommande l'étude de l'Espéranto (ordre N° 28738) et annonce un cours par correspondance. La même recommandation officielle a paru dans le Bulletin de la Direction du Département de la Police d'Etat.

**Roumanie.** — L'Institutul Economic Românesc» de Burarest, grande association économique, a adopté l'Espéranto pour sa correspondance.

---

# Eenige Oordeelen

**Tolstoï**, de groote wijsgeer, zeide : «De moeite, welke de studie van het Esperanto vergt is zoo gering en de voordeelen, die er kunnen uit voortspruiten zoo overgroot, dat niemand mag nalaten de zaak te beproeven..»

**Generaal Leman**, de diepbetreurde Eerevoorzitter van den Belgischen Esperantistenbond, voegde er bij: «De onverschilligheid voor het Esperanto is waarlijk grievend en bewijst meer nog dan de oorlogen in welke erbarmelijke barbaarschheid het menschdom verzonken ligt!»

**Dr. Mayer**, professor in de Latijnsche letterkunde aan de hoogeschool van Cambridge, nam deel aan het Esperanto-Congres, dat in 1907, te Cambridge, meer dan 1700 volgelingen van Dr Zamenhof, uit alle streken van den aardbodem, vereenigde.

Dr Mayer, alsdan bijna 90 jaar oud, sprak er vloeiend Esperanto en ik hoorde hem zeggen: «Hoewel aan den rand van het graf, heb ik nog Esperanto willen leeren, en het is in die taal, dat ik Dr Zamenhof kom hulde brengen en hem mijn diepe erkentenis betuigen voor het wonder, dat hij verricht heeft en waarvan ik getuige ben geweest.

» Ik heb het mirakel van den Pinksterdag zien vernieuwen, wanneer de gave der talen aan de nederigen werd geschonken; ik heb mij vervoerd gevoeld naar een nieuwe wereld van eendracht en broederliefde, en waarvan gij, Zamenhof, de Columbus zijt geweest...

» Ik durf aan de geheele wereld het Esperanto aanbieden, omdat het aan alle eischen eener wederlandsche hulptaal voldoet; het is eenvoudig en welluidend en zijn woordenschat laat toe alle gedachten met de grootste stiptheid uit te drukken.»

A. **Van der Biest,** de zeer betreurde Voorzitter van den Belgischen Esperantistenbond, heeft mij meermalen herhaald: «Wat mij overtuigt, dat het Esperanto een kostbare uitvinding is 't is dat velen de moeite waard schijnt het tegen te kanten... Zijn 't immers de beste vruchten niet, die het meest van de wespen te lijden hebben ?»

Reeds meermalen is 't mij gebeurd Fransch te spreken met Russen, Engelschen, Denen, enz.

Het Fransch deed hier dienst als hulptaal. Ik moet bekennen, dat er bij die personen van verschillende natiën, een verschil in tongval en woordschikking bij het Franschspreken te bespeuren was, doch het verschil was niet zoo groot, dat het tot verwarring aanleiding geven kon.

Op onze Wereldkongressen was ik in de gelegenheid met personen van 28 verschillende natiën, het Esperanto als hulptaal te gebruiken, en ik durf verzekeren, dat het verschil in tongval minder merkbaar was dan bij het gebruik van het Fransch, ja zelfs, dat het in vele gevallen teenemaal niet bestond. En daar het Esperanto, even als het Latijn, een groote vrijheid van woordschikking toelaat, verdwijnt hier het verschil heel en al.

Overigens, even als de Fransche Akademie waakt over de eenheid en de gelijkvormigheid harer taal, zoo ook hebben wij onze Akademie, die er voor zorgt, dat het Esperanto in alle hoeken der wereld met de zelfde woorden en stelregels vooruitkomt.

Bijna alle grootsche uitvindingen werden bij den aanvang door ongeloof en onwetendheid vervolgd.

Was dit niet het lot van de **drukkunst, de stoomschepen, het weefgetouw, de spoorwegen** ? En wat ondervond Colombus, toen hij de ontdekking van de Nieuwe Wereld voorspelde...? En Leopold II, toen hij zich voorstelde het hart van Afrika te beschaven?...

Een aantal moet ons niet afschrikken, maar wel aanmoedigen om met verdubbelde krachten ons werk van wetenschap en beschaving voort te zetten.

En als sommigen beweren, dat het Esperanto een gevaar oplevert, omdat eene of andere tegenpartij er gebruik van maakt om haar doel te bereiken en daarom behoort tegengewerkt te worden, dan vraag ik mij af of de zelfde reden niet bestaat om alle onzijdige krachten af te schaffen; zulke zijn de **drukpers, de spoorwegen, de spreekdraden, de vliegtuigen** en menige andere.

Het is een troost voor ons te mogen vaststellen, dat wij onder onze voorstanders vele groote geleerden tellen, en dat ook vele lands- en stadsbesturen het Esperanto op het schoolprogramma brengen en geldelijk ondersteunen.

A. J. WITTERYCK.
Voorzitter van den Belgischen Esperantistenbond.

ESPERANTO IN DEN VOLKERENBOND. — De 3e algemeene Vergadering van den V.B., heeft in zitting van 21 Sept., na den Hr. Senator Reynald, fransch afgevaardigde gehoord te hebben, besloten het gunstig verslag goed te keuren van den Algemeenen Sekretaris, Mr. Nitobé, over Esperanto in de scholen, met de besluitselen der Commissie, volgens dewelke de V. B. de meening vraagt der Afdeeling van Intellecteele Samenwerking, voorgezeten door den grooten wijsgeer Bergson, betreffende het vraagstuk der internationale taal. Ze heeft insgelijks besloten dat het kort en onpartijdig verslag van 5 Februari 1921 der Handelskamer van Parijs toegevoegd worde aan bovengenoemd stuk.

De afgevaardigden van China, Japan, Perzië, Zuid Afrika, Finland en Bulgarië, alsook Lord Robert Cecil, hebben Esperanto warm verdedigd. Een verslag in dien zin is voorgelegd geworden door den bekenden taalkundige Prof. Gilbert Murray, van de universiteit van Oxford.

# Andere Nieuwsjes

**Engeland.** — De onder-kanselier van de universiteit van Birmingham, Sir Gilbert Barling, 15 leeraars bij dewelke, Mr. Ritchie, leeraar in de fransche letterkunde, Dr. in de Letteren bij de Sorbonne, de Burgemeester, en de Voorzitter der Handelskamer, hebben een verzoekschrift ten voordeele van het Esperanto-onderwijs aan den Volkenbond gezonden.

**Brazilië.** — Het 7e aardrijkskundig Congres te Parahyba heeft een wensch ten voordeele van Esperanto uitgedrukt.

**Lettonië.** — Het maandelijksch Bulletijn van het Ministerie van Openbaar Onderwijs, heeft een Esperanto-rubriek geopend, evenals de «Kulturas Vesnesis», orgaan van een belangrijke wetenschappelijke vereeniging, en het handelsdagblad van Riga «Latvijas Sargs».

**Polen.** — Het officieel Bulletijn van het Ministerie van Posterijen (12 Juli) raadt de studie van Esperanto aan (orderrichting 28738) en kondigt een kursus door briefwisseling aan. Dezelfde officieele aanbeveling is verschenen in het Bulletijn van het Bestuur der Staatspolitie.

**Roemenië.** — Het « Institutul Economic Romanesc » een groote ekonomische groep, te Boekarest, heeft Esperanto voor zijn briefwisseling aangenomen.

# Akademia Fako pri Konkursoj kaj Premioj

Dum la vintro 1921-22 la Akademio Esperantista ne sin okupis pri premiado, ĉar ĝi ricevis nur unu verkon por ekzameno kaj eventuala rekompenco. La kaŭzo estas sendube, ke nek aŭtoroj, nek eldonistoj sufiĉe informiĝis pri la regularo. Utile estas do ĝin denove publikigi kaj konigi al la esperantista publiko.

Por eviti senutilan elspezon al aŭtoroj kaj eldonistoj, la rekompenco estas nur honoro-, la sendado de la libroj estu farata jena maniere: Kun la prezento oni sendu 1 ekzempleron al la Prezidanto de la Akademio, Prof. Th. Cart, 12 rue Soufflot, Paris; kaj 1 ekzempleron al la Direktoro por Konkursoj kaj Premioj, D-ro E. Privat, 2 chemin des Roches, Genève (Svisujo).

La proponoj, montrantaj tre klare kaj precize la titolon de la verko, la eldonejon kaj la daton de la unua apero, devas esti sendataj al la Centra Oficejo, 51 rue de Clichy, Paris, antaŭ la 1 an de marto.

La plena Akademio, post raporto de la Komisio, elektas la 5 rekompencotajn.

---

Ni pensas bone fari, publikigante ĉi sube la liston de la lastfoje (en 1914) rekompencitaj verkoj:

Ch. Wagner: «Estu homo», tradukita de S. Meyer;
H. Conscience: «Rikke-Tikke-Tak», tradukita de Marie Posenaer
H A. Luyken: «Mirinda Amo», originalaĵo;
H. de Balzac: «La Vendetta», tradukita de M. Merckens;
«Rolandkanto», tradukita de S-ro Noël.

Laŭ la raporto farita de Prof. Th. Cart, tiuj verkoj ĉiuj sin rekomendas per plene fundamenta korekteco en la stilo.

Ni profitas ĉi tiun okazon por sendi niajn plej korajn gratulojn al la premiitaj verkisto kaj tradukistoj, kaj precipe al nia bona samideanino S-ino Maria Elworthy-Posenaer, la lerta tradukistino de unu el la plej ĉarmaj literaturaĵoj de la unua flandra popolrakontisto Conscience.

B.E.

---

# Aŭtonoma Muziknotado

Multan intereson kaŭzis la artikolo aperinta en B.E. pri tiu mirinda muziknotado. Demandoj pri klarigo alvenis el diversaj lokoj de l'terglobo kaj diversaj Esperantaj gazetaroj priparolis la sistemon.

La dirita artikolo estas publikigita aparte broŝurforme je l' prezo de du respondkuponoj.

La fina parto, priparolanta la sistemon Hautstont estas ankaŭ aparte eldonita kiel propagandilo, sub la titolo: «Solvo de la demando pri la plibonigo de la muzikskribo per la aŭtonoma Muziknotado, sistemo eltrovita de Jean Hautstont; mallonga klarigo de L. Cogen.»

Ni multe rekomendas la uzadon de tiu propagandilo, kies kosto estas unu respondkupono por ses ekzempleroj.

La broŝuro kaj la propagandilo estas haveblaj ĉe S-ro Fr. Schoofs 45, Kleine Beerstraat, Antverpeno.

Sro Hautstont presigis franclingvan prospekton en kiu li tre lerte prezentas sian sistemon kaj kiu celas akiri enskribojn por lia Kooperativa Societo.

Fine la instruista ĵurnalo « L'Etincelle » (Bruselo) publikigis bonegan artikolon pri la A. M. N.

Nia sindonema amiko V. Hendricx, siaflanke propagandis vigle A. M. N. en diversaj landoj (Bulgarujo, Svedujo, Ĉehosl., Brazilo). kaj ricevis aron da entuziasmaj respondoj eĉ de blinduloj.

L. C.

# Esperanto-Film No 5-6-7

Tiu numero enhavas la nacilingvajn artikolojn, presitaj en nuna kajero de « B. E. ». La grupoj sendube povas subteni per tiu presaĵo sian propagandon. Ekzempleroj estas haveblaj. (Fr. 3.— por 50 ekz.; Fr. 5.— por 100 ekz.; Fr. 20.— por 500 ekz.; Fr. 30.— por 1000 ekz.)

ONI MENDU ANTAŬ LA 25a de OKTOBRO ! !

Ni ne forgesu diri, ke nia Esperanto-Film No 3-4. kun la dulingva traduko de la Manifesto de Genève, estis dissendata en la tuta lando per 12000 EKZEMPLEROJ.

# La Tagmezmanĝo

Iun lundon, matene, kelkaj laboristoj eniris la trinkejon kun la ideo ne iri labori, sed kiel kutime «festi la lundon.»

Je tagmezo, malriĉa sed pure vestita virino envenis la kafejon. Sentime ŝi marŝas al iu el la viroj kaj diris :

«Mi opinias ke vi eble hodiaŭ ne venos manĝi hejmen kaj tial mi vin alportas vian porcion.»

Kun tiuj vortoj ŝi metis antaŭ sian edzon paketon zorge fermitan, kaj foriris. La duonebriaj kamaradoj laŭte ekridis. Iu el ili proponis ke ĉiuj gustus iom de la manĝaĵo. La posedanto akceptas. Li malligas la tukon, sed trovas nur malplenan pladon. Troviĝas tamen bileton kun la jena enhavo:

«Mi esperas ke vi bonguste manĝos; estas la sama kion mi kaj la infanoj manĝis hejme.» (El flandra tradukis M. Soete.)

# La Brankolektanta Virineto

Mi sidis sur benko apud Haarlem. Tie, en la malproksimaĵo pene alvenas maljuna virineto. Ŝi klinis sin ĉiumomente, kaj trovkolektis ion, kaj metis tion en sian antaŭtukon. Ho, estis pecetoj da branĉligno, kiujn ŝi serĉis...

Kia mizeregeco! mi pensis. Kaj mi kalkulis, ke baldaŭ ŝi venus proksime de la benko sur kiu mi sidis, kaj mi ĵetis teren monereton, por ke ŝi trovprenu.

Kaj mi ĝojis je ĉiu paŝo, kiun ŝi faris al la donaco, kiun mi ŝin volus doni hazarde.

Sed branĉkolektantaj virinetoj kaj kometoj estas tute malsamaj Tiu ĉi kometo sekvis alian vojon, ol kiun mi antaŭpripensis, kaj mi antaŭvidis ke...

— Virineto !

— He ?

— Vi serĉadas tiel fervore ŝajnas al mi, ke tie kuŝas io...

Ŝi ne venis, kaj branĉkolektis plue. Tre kompreneble: ŝi serĉis lignon kaj branĉetojn sub la arboj, kaj tio, kion mi volis ŝin montri, kuŝis sur la vojeto.

Tie ne estis branĉetoj, laŭ ŝia kompreno. Eble ŝi pensis, ke mi ŝin mokis.

— Vere, efektive, verdire... virineto... venu al tiu ĉi flanko. Mi ja pensas ke tie kuŝas io... jes... ŝajnas esti eĉ mono...

— Nu... se vi pensus tion, vi ja prenus ĝin vi mem..

Tiam mi prenis la monereton, kaj ĝin portis al ŝi, kaj mi estis malĝoja, pro tio ke tiu maljuna virineto renkontis tiom malmulte da bonuloj en sia longa vivo.

(El «Ideeën.) MULTATULI

Tradukis C. Schroeyers.

# Arbaro Printempe

Kiel bela estas printempe la arbaro!

Post longdaŭra kvazaŭmorto ĝi reviviĝas.Ĝiaj arboj, ĝiaj boskoj nutrataj de nova ŝuko estas nun foliekovriĝintaj.

Mi atendis kun vera malpacienco la novfoliiĝon, ĉar mi estis observinta atente la ĉiutagan plikreskadon de la burĝonoj

Nun la arbaro aspektas belege, kaj tien mi direktas ofte miajn paŝojn.

Floretoj, birdetoj, agrabligas mian promenadon. La densejoj, la arbetejoj, bonodoras, kaj mi spiras kun la aero la mildan bloveton de printempo, la malprecizan odoron eligantan el la tuta naturo. Ĉio ĉelas doni al tiuj lokoj ĝojan aspekton, kaj ĉio ŝajnas al mi kvazaŭ afabla saluto, konfidenciema ĝojesprimo. Eĉ la fonteto, ŝprucanta el roko je la randarbaro, bruetadas malforte same kiel ĝi bezonus

sciigi ion al mi... eble sian kontentecon, sian dankemon pro la reapero de printempo.

Sub malnova kverko, proksime de iu mallarĝa vojeto, mi forgesas facile ĉian maltrankviletiĝon kaj ĝuas plene la belecon, la ripozigantan freŝecon, la nedifineblan ĉarmon de la arbaro printempe.

René Léonard.

# Spritajoj

**Efika Kuracilo.** — Viro kun ĉagrena vizaĝo eniris la butikon de apotekisto. Li demandis: «Ĉu vi povas doni al mi ion, kio povus forpeli de mia spirito la maldolĉajn, ĉagrenajn pensojn?»

La apotekisto skuis la kapon kaj poste donis al li malgrandan kvanton da diversaj saloj kaj kelkajn gutojn da fiŝoleo.

Dum ses monatoj la viro povis pensi al nenio krom al novaj rimedoj por forpeli la malbonan guston el sia buŝo.

(M. De Cock.)

---

Fremdulo: Ĉu sinjoro Meyer estas hejme?
Servistino: Sro Meyer faras sian edziĝvojaĝon.
Fremdulo: Ho, tion mi bedaŭras.
Servistino: Vi konas sendube lian edzinon!

(M. Dirickx.)

# La Pipro-Salujo

(Monologo.)

(Scenejo libera. Eniras knabo ploranta. Li portas tason) «Estas ĉiam mi, kiu devas fari la komisiojn; kaj mia pligranda frato Karolo nenian devas iri por fari komisiojn; sed... li ne plu povas kaŝludi kun mi. Hodiaŭ mi ankaŭ devis iri al la butiko, ĉe Jozefo, la bofrato de la onklino de la servistino de la pastro; tiu butiko, kiu estas apud la preĝejo, tie kie vi vidas la urinejon. Mi do devis serĉi por une centimo da salo kaj por unu centimo da pipro. Mi kuris, kaj mi eniris en la butikon.

«Kion vi do deziras, knabo,» diris al mi Jozefo, la bofrato de la onklino de la servistino de la pastro; kaj mi diris: «Jozefo, la bofrato de la onklino de la servistino de la pastro, bonvolu doni al mi por unu centimo da salo kaj por unu centimo da pipro.» Kaj la butikisto foriris sed tuj revenis. «Jen la salo,» li diris, «kien mi devas meti ĝin?» Kaj mi respondis: Ĉi tien, sinjoro Jozefo. Poste li foriras kaj revenis kun la pipro, kaj denove li diris: «Kien mi nun devas meti la pipron, knabo?» — «Ho! Jes!... metu ĝin tien ĉi» mi respondis (la knabo turnas la tason.) «Bonan tagon, Jozefo, bofrato de la onklino de la servistino de la pastro,» mi diris, forlasante la butikon.

Hejme mi tre fiere diris al la patrino: «Jen, patrinjo, la pipro kaj la salo. Sed patrino diris, ke ŝi vidas nur la pipron kaj ŝi demandis, kie estas la salo. Pli fiere mi diris: «Ĉi tie, patrinjo.» (Denove li turnas la tason: malĝoja miro de la knabo; pli forte ploras).

(Ploregante) Kaj tiam mia patrino ekkoleris kaj batis min! Kial mi devas ĉiam fari la komisiojn? Ho ve! mia dorso, mia dorso!

Juul Karnas.

# Bibliografio

VORTARO DE LA OFICIALAJ RADIKOJ DE ESPERANTO de Th. Cart. (Laŭ «Universala Vortaro» kaj la tri Aldonoj). Kolekto de la Akademio. Presita kiel manuskripto. Sendita nur al la Lingva-Komitatanoj kaj al la Esp gazetaro. Ne vendebla. La sama Vortaro, tipografie presita, estos aĉetebla en proksima estonteco. 16 paĝoj : 25 × 16.,5 cm.

KOREKTO DE LA ERARAJ TRADUKOJ EN LA UNIVERSALA VORTARO (kun aprobo de la Lingva Komitato) Franca parto, de Th. Cart. Kolekto de la Akademio. Paris, Esp. Centra Librejo. 4 paĝoj : 25×16.5 cm. Prezo: Fr. 0.50.

NOTOJ POR KOMENCA ESPERANTOKURSO de Progresano. 8 paĝ. 17×10.5 cm. Prezo nemontrita. Enhavas la fundamentajn regulojn de Esperanto, nur per tre koncizaj klarigoj kaj malgrandaj sed bontrafaj ekzemploj.

B. E. S. (BOHEMA ESPERANTO-SERVO) ADRESARO de Esperantistoj el ĉiuj landoj. Jaro 1922/23, 4. eldono. Eldonis B. E. Servo, Moravany, Ĉehoslovakujo; 68 paĝoj: 15×12 cm. Prezo: Bfk. 2.40. Publikigas la adresojn de 815 korespondemaj esperantistoj en la kvin mondpartoj, kun registro laŭ profesioj kaj laŭ inklinoj.

III VIENA INTERNACIA FOIRO. 10-18 de sept. 1922. — 6 paĝoj: 21×11,5 cm. Ilustrita. Senpaga. Eldonita de la Foira Oficejo.

INTERNACIA SPECIMENA FOIRO EN PRAHA, — 3-10 sept. 1922. — 6 paĝoj: 19×12 cm. Ilustrita. Senpaga. Eldonita de la Foira Oficejo.

FIRST STEPS IN ESPERANTO. A simple Textbook for English-speaking beginners; de Montagu C. Butler, Sekretario de la Brita Esp. Asocio. Private eldonita 1922. Aĉetebla de Britisch Esperanto Association 17 Hart Street, W. C. 1. 80 paĝoj: 19×12.5 cm. Prezo: 9 p.

La aŭtoro celis instrui la facilan antaŭ la malfacilan, la simplan antaŭ la malsimplan, la oftan antaŭ la maloftan. La intruo estas simple gradigita laŭ vidpunkto de anglalingvo komencanto.

ESPERANTO IN TWELVE LESSONS. A Text-book with the Grammar very simply arranged in twelve lessons, followed by Twelve Reading Lessons (with a Key), de Stella. Eldonita 1922 de British Esperanto Association, London. 52 paĝoj: 19×12.5 cm. Prezo: nemontrita.

Tre bona kaj simpla lernolibro, laŭ ni tre taŭga por memlernantoj.

DUA KURSA LEGOLIBRO kompilita de W. M. Page, (Kolekto de B. E. A. N° 3). Eldonita London 1922, Brita Esperantista Asocio. 24 paĝoj 19×12.5 cm. Prezo nemontrita. Kolekto de 50 anekdotoj kaj humoraĵoj, ĉerpitaj precipe el «British Esperantist» kaj «Esperanto Monthly». Tiu libreto povas fari grandajn servojn en Esperanto-kursoj.

THE ESPERANTO TEACHER. — By Helen Fryer. 10th Edition. British Esp. Ass. London. 172 paĝoj 10 × 16 cm. Prezo : Fr. 4. — Reeldono de la bonega lernolibro por angloj, jam de longe konata de la samideanoj. La aŭtorino konstruis sian libron sur la fundamentaj gramatiko kaj ekzercaro de D-ro Zamenhof. Kolekto da uzataj esprimoj utilaj, angla traduko de la ekzercaro, malgranda aro da simplaj legaĵoj kaj iom ampleksa vortareto angla-esperanta kompletigas la libron kaj faras ĝin taŭga por memlernantoj.

LA LUKSDOMETO, unuakta komedio, de H. Meilhac kaj L. Halevy, tradukita de S-ino M. Fauvart-Bastoul. Eldonas la tradukistino, Dijon. 52 paĝoj 12 × 19 cm. Prezo : Fr. 3,50. — Tre sprita komedieto, lerte tradukita de nia bonega malnova samideanino. Ni gratulas ŝin pro la bela verketo, kiun ŝi aldonis al la kolekto de Esperantaj teatraĵoj, taŭgaj por montri praktike la literaturan valoron de nia lingvo. La ludo enhavas 4 virajn kaj 1 virinan rolojn.

RAKONTOJ EL LA BIBLIO, laŭ la traduko de D-ro L. L. Zamenhof; Eldonis 1921 : Brita Esp. Asocio, London; 80 paĝoj 10,5 × 16.5 cm.; Prezo : Fr. 4. La tre zorge eldonita libro enhavas 14 rakontojn el la Biblio. Ĝi estas antaŭiranto de la aperonta traduko de la Malnova Testamento, super kiu la Biblia Komitato Esperantista laboradas. La libreto ne nur instigos deziron por la tuta volumo; ĝi ankaŭ antaŭdiras al ni, ke la promesita verko certe estos modelo por ĉiuj esperantistoj laŭ lingva vidpunkto.

HIMNARO ESPERANTA, Kompilita de Montagu C. Butler, Dua eldono; Eldonis : Brita Esp. Asocio, London. 1921. 146 paĝoj 9 × 16 cm. Prezo: 4.50 fr. Tiu tre interesa kaj elegante eldonita libreto enhavas 211 kantojn kaj kantikojn tradukitaj plejgrandparte el la Biblia historio. La antaŭparolo de la kompilinto sciigas al ni, ke la verko estas uzebla de ĉiu Kristano greka, protestanta aŭ roma, ĉar ĝi estas tute nesekta, tamen definitive Kristana; ke ĝi enhavas nenion kontraŭ la Biblio kaj la Apostola Kredkonfeso; ke la lingva stilo estas simpla kaj facila; ke la traduko laŭeble sekvas la originalon sence, rime kaj ritme; ke oni ne permesas gramatikan eraron pri poezia libereco kaj ke oni evitis kiom eble la apostrofadon.

POŜKALENDARETO POR ESPERANTISTOJ, 1922, kompilita de Karl Minor; eldonita de Fr. Ellersick, Berlin; 64 paĝoj 12 × 7 1/2 cm. Prezo: F. 0.50. Tiu zorge eldonita poŝkalendareto enhavas: belan portreton de D-ro Zamenhof, nian himnon «La Espero», monatkalendaron kun 12 paĝoj por notoj, hebrean kalendon, kronologiajn klarigojn, festotagoj luteranaj kaj katolikaj, tabelo por eltrovo de la semajnotagoj, multajn detalojn historiajn kaj organizajn de la movado Esperantista, kaj la Fundamentan gramatikon. F. D.